# LITERATURA MONDO



MEMPORTRETO DE VAN GOGH

REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY,
PAULO DE LENGYEL, DR° VINCENTO TÓTH KAJ PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR° BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

JUNIO 1925 IV. JARO 6. NO.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

## NIA KUNLABORANTARO

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (VARSOVIO), IVAN H. KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J. JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI.

# KRUCENIGMO IV.

**Horizontale:** 1. nombro; 4. sovaĝbesto; 6. signo de malsano; 8. maniero de lokŝanĝo; 10. sufikso; 13. la unua di-ordono parolas pri ĝi; 16. metalo kaj mitologia figuro; 18. virinfiguro de la Biblio; 20. unufoje Nelson, unufoje Napoleon venkis tie; 22. egipta di-nomo; 23. supre estas kaj bona estas; 25. angla sinjoro; 26. ripetate: imito de ritma bruo; 27. dolora lukso; 29. nazego; 32. malagrabla flanko de rozo; 33. greka- internacia esprimo por „bona"; 35. soldatoj ne tre ŝatas ĝin; 37. muzika esprimo; 38. interjekcio; 40. manlaborajon ornamas; 42. tiajn ne havas Esperanto; 44. fisoj ĝin ne havas; 46. konata juda verkisto (fonetike); 47. mara imposto; 49. vorto de respekto; 52. simple: angla adverbo, duoble: nokta birdo; 53. speciala kuracisto; 55. la plej famekonata ebriulo; 56. sen ĝi oni ne povas vidi; 58. tre populara amuzilo; 60. prefikso; 61. japana markizo, politikisto; 63. materialo de virino; 64 ĝena litkunulo; 65. ne oficiala sufikso.



**Vertikale:** 2. Homeros uzis multajn; 3. mallongigo por ŝtato de Usono; 5. malvarme estas tie; 6. papa ornamo; 7. mezuro de longo; 9. pri kiu oni jam verkis multajn poemojn; 11. Esperanta asocio; 12. geometria esprimo kaj armilo; 14. venena kreskajo; 15. Azia rivero; 16. la unua stenografiisto; 17 speco de papago; 19. impona besto, preskaŭ elmortinta; 21. speco de brando; 24. ĉefurbo de Eŭropa lando; 26. pro ĝi oni agas malgraŭvole; 28. vira dorlotnomo angla, ĝin havas favorata kino-aktoro; 30. scienca aserto; 31. la plej lerta ilo; 34. turka nomo, ankaŭ Esp. radiko; 36. surstrate oni vidas multajn; 37. inter ili ni loĝas; 39. korojn vundas; 41. amuza lerto; 43. antikva Roma poeto; 45. spico de supo; 48. araba juĝisto; 51. trinkujeto; 52. volojn kaj restojn de homoj entenas; 53. korpoparto de birdo; 57. norda, vintra, tropika arbo; 59. ĉiu diras pri si; 62. kutime uzata mallongigo de du vortoj.

Ĉiuj Esperantaj vortoj estas apostrofitaj (sen o-finaĵoj). Tri libropremioj estos lotumitaj inter la solvontoj.

**Solvo de Krucenigmo II.** *Horizontale* 1. kondor; 2. dor' ; 3. zoo ; 4. piz ; 5. Oziris. *Vertikale:* 1. kazino; 4. pir' ; 6. ino ; 7. neo ; 8. Ramzes.

*Premiitaj :* 1. H. Bonnevie, Oslo ; 2. Kati Rambuskova, Česke Budejovice ; 3. José Berger, Cordoba.

# REDAKTA ANGULO

Nia revuo volas esti renkontejo ne nur de l' ĉiunaciaj literaturoj, sed ankaŭ tiu de l' artoj. Ĝia konstanta rubriko: Arto kaj Artistoj estas kolektejo por la artaj valorajoj de ĉiuj popoloj. Per ĉi tiu tendenco ni volas esti fidelaj al la fundamento de nia movado, al ĝia idea enhavo: manifesti per la vicigo de l' ĉiunaciaj artaj valorajoj la komunecon de l' homaj idealoj kaj tiel akceli la interkomprenon kaj interfratiĝon de l' diversaj popoloj.

Ĉi tiun grandan moralan forton de l' arto unuavice ni, E-istoj devas konscii kaj priuzi je la intereso de nia fina celo. Ni volas, ke la arto, ĉi tiu plej bela simbolo de l' homaj sopiroj al la Idealo, ricevu vere sian idealan sencon: kiel internacia lingvo de l' sentoj ĝi kunligu la tutan homaron.

Por ebligi ĉi tiun celon, ni alvokas ĉiujn, kiuj sentas la gravecon de niaj klopodoj, al nobla konkurso kaj ni atendas la helpon de l' tutmonda Esperantistaro.

P. Varsányi.

La rubrikon Arto kaj Artistoj ĝis nun verkis nia redakta komitatano Paŭlo Varsányi. Rekonante la gravecon de lia iniciativo, ni jene malfermas la rubrikon por la tutmonda espistaro. Ni serĉas kunlaborantojn en ĉiuj laŭ arta vivo gravaj landoj de la mondo. Ni esperas, ke fakuloj kaj artŝatantoj bone konsideros ĉi tiun peton kaj uzos la okazon: propagandi la arton de sia nacio per nia revuo. Kaj per tio ankaŭ nia revuo atingos sian celon, la veran internaciecon ankaŭ ĉirilate. Speciale ni adresas nian peton al la naciaj esp. aj societoj, kiuj povas instigi siajn anojn al kunlaboro, kaj doni al ili la necesan subtenon. Ilia helpo estas grava precipe pri la akiro de la necesaj kliŝoj. La resendon de la kliŝoj ni nepre garantias, krome ni pagas la elspezojn de l' prunto kaj de l' poŝto. Por ke la kliŝoj ne kuŝu ĉe ni tro longe, plej oportune estas sendi unue la artikolon kun la listo de la kliŝoj kaj sciigi ankaŭ ilian grandecon. Poste ni sciigos la aŭtoron, kiam ni bezonos la kliŝojn, kaj por kiuj el ili ni povos doni lokon en la revuo.

Kompreneble la artikoloj povas esti ankaŭ tradukitaj. Ilia longo ne estu pli, ol unu paĝo en nia revuo.

Specialajn pretendojn pri epokoj, skoloj, individuoj ni ne havas, sed kliŝojn ni nepre bezonas, ĉar bedaŭrinde nia financa situacio provizore ne permesas al ni farigon de kliŝoj.

Esperante viglan interesiĝon, tutkore salutas siajn novajn kunlaborantojn La Redakta Komitato.

ABONPREZO POR JARO 144,000 HUNGARAJ KRONOJ

# SINJORO JESUO KAJ SANKTA PETRO

SELMA LAGERLÖF

Ĝi okazis tiutempe, kiam Sinjoro Jesuo kaj sankta Petro ĵus revenis en la Paradizon, post kiam dum longaj jaroj de malĝojo ili migris sur la tero kaj multe suferis.

Facile estas imagi, kia ĝojo estis tio ĉi por sankta Petro. Facile estas imagi, ke alia afero estas sidadi sur la monto de Paradizo kaj rigardadi malsupren sur la teron, kiun oni en almozulĉifonoj iradis de domo al domo. Alie estas promeni en la pompaj ĝardenoj de la Paradizo, ol migri malsupre sur la tero kaj ne scii, ĉu oni venos sub tegmenton en la ventega nokto, aŭ oni devos iri la landstraton en nokta malvarmo kaj mallumo.

Ni pripensu ja, kia ĝojo estas, veni post tia vojaĝo en la ĝustan lokon. Dumvoje ja sankta Petro ne ĉiam estis certa pri tio, ke ĉio finiĝos bone. Li ne povis deteni sin, ke li kelkfoje havu dubon kaj maltrankvilon, ĉar al la kompatinda sankta Petro estis ne eble kompreni, por kio do treni la pezan teran vivon, se la Sinjoro Savanto estas la estro de la mondo.

Nun lin ne kaptos, ne turmentos plu la sopiro. Ni povas kredi, ke li ĝojis pri tio.

Nun li preskaŭ ridis je tio, kiom da malĝojo li elportis kune kun la Sinjoro, kaj je kiom malmulte ili devis kontentiĝi.

Foje, kiam ili tiel malbone jam statis, ke li opiniis, ne eble plu elteni, la Sinjoro ekvokis lin kaj ekiris, por ascendi altan monton. Eĉ vorton li ne diris pri tio, kion ili havos por fari tie supre.

Ili iris preter urboj kuŝantaj sub la monto, en proksimo de kasteloj alte situantaj. Ili venis ĝis farmodomoj, paŝtistaj ŝirmejoj, kaj postlasis eĉ la ŝtongroton de la lasta lignohakisto.

Fine ili atingis tien, kie la monto estas nuda, sen arbo kaj kreskaĵo kaj kie ermito konstruis kabanon por helpi la malsatajn migrulojn.

Poste ili venis sur neĝkampojn, kie marmotoj dormas sian vintran dormon kaj ankoraŭ pli supren, al malhele glomeriĝintaj glaciamasoj, kien eĉ ĉamo ne povas aliri.

Tie supre la Sinjoro trovis ruĝbrustan birdeton, kiu kuŝis fostiĝinte sur la glacio. Li levis la etan rubekolon kaj enpoŝigis. Sanktan Petron ege boris la scivolo, ĉu ne tiu ĉi birdeto estos ilia tagmanĝo?

Longe ili migris sur la glitigaj glacitabuloj. Ŝajnis al sankta Petro, ke neniam ili iradis pli proksime al la imperio de la morto. Morte frosta vento muĝis ĉirkaŭ ili, morte malluma nebulo ĉirkauvolvis ilin kaj nek proksime, nek malproksime troviĝis io vivanta. Kvankam ili atingis nur la mezon de la montdeklivo. Tie sankta Petro petis la Sinjoron, ke li lasu lin iri returne.

— Ankoraŭ ne — diris la Sinjoro. — Mi montros ion, kio donos al vi forton kontraŭ ĉiuj malbonoj.

Ili migris plu tra nebulo kaj glacio, ĝis fine ili atingis senfine altan muron kiu baris al ili la vojon.

— Ĉi tiu muro ĉirkaŭkuras la tutan monton — diris la Sinjoro. — Nenie vi povas trapaŝi ĝin. Homo nenion povas vidi el tio, kio estas malantaŭ ĝi, ĉar tie ĉi komenciĝas la Paradizo, tie ĉi logas la feliĉaj mortintoj, de ĉi tie supren, tra la tuta montdeklivo.

Sankta Petro ne povis reteni sin de duba rigardo.

— Transe ne estas frosto, ne estas mallumo kiel ĉi tie — daŭrigis la Sinjoro. — Interne floras verda somero kaj pura lumo, sunoj, steloj brilas. Sed Sankta Petro ne kredis tion.

Nun la Sinjoro prenis la birdeton trovitan sur la neĝkampo, reklinis sin kaj ĝin ĵetis trans la muron, ke ĝi falis ĝuste en la Paradizon.

Tujposte sankta Petro ekaŭdis jubilan, gajan pepadon kaj rekoninte la voĉon de la rubekolo ege li ekmiris.

Turninte sin al la Sinjoro li parolis: — Permesu ke ni revenu sur la teron kaj ke mi suferu ĉion kion mi devas, ĉar nun mi vidas, ke vi diris la veron kaj ekzistas lando, kie la vivo venkas la morton.

Ili descendis kaj ree ekmigris. Dum jaroj Sankta Petro nenion povis vidi el la Paradizo, li nur migris senĉese kaj sopiris je la malantaŭmura lando. Nun li fine estis tie, li ne bezonis sopiri; dum tuta tago li povis ĉerpi el la neelĉerpeblaj fontoj de ĉielaj plezuroj.

Sed apenaŭ estis du semajnojn sankta Petro en la Paradizo, okazis, ke anĝelo aliris la tronon de la Sinjoro, sin sepfoje klinis kaj raportis ke al sankta Petro certe okazis ia granda malfeliĉo. Ĉar nek manĝi, nek trinki li volas, liaj okuloj estas ruĝiĝintaj kazaŭ li ne estus dorminta multajn noktojn.

Aŭdinte tion ĉi la Sinjoro stariĝis kaj iris, serĉi Petron.

Malproksime, ĉe la plej ekstrema limo de la Paradizo Li trovis lin. Surtere kuŝis la maljunulo kiel iu, kiu estas tro laca por stariĝi. Ŝiritaj estis liaj vestoj, cindro estis ŝutita sur lian kapon.

— Kio afliktis tiom vian animon, diru, sankta Petro? — demandis la Sinjoro. Sed sankta Petro ne povis respondi, tiom superverŝis la doloro lian animon.

— Kio afliktis tiom vian animon? — demandis la Sinjoro duan fojon.

Kiam la Sinjoro estis ripetinta sian demandon, sankta Petro prenis de sia kapo la oran kronon kaj ĵetis ĝin antaŭ la piedojn de la Sinjoro. kvazaŭ volante diri, ke plu li ne deziras sian parton el la honoro kaj glóro.

La Sinjoro komprenis ke sankta Petro estas ege malesperiĝinta kaj li ne scias kion li faras. Tial li ne montris koleron.

— Fine vi ja devas diri, kio vin turmentas — li diris same milde kiel antaŭe, kaj ankoraŭ kun pli da amo en sia voĉo.

Sed nun jam saltleviĝis sankta Petro kaj tiam vidis la Sinjoro ke la maljunulo estas ne nur malĝoja, sed ankaŭ kolera. Kun pugnigitaj manoj kaj fajrerantaj okuloj li iris al la Sinjoro.

— Delasu min el via servo — diris sankta Petro. — Eĉ unu tagon mi ne restos plu en la Paradizo.

La Sinjoro trankviligis lin, kiel li ofte devis fari tion ankaŭ sur la tero, kiam sanktan Petron kaptis kolero.

— Nu bone, do iru, sed antaŭe vi devas diri, kio estas tie ĉi kontraŭ via plaĉo.

— Mi diras nur, ke pli indan rekompencon mi esperis, kiam malsupre sur la tero mi toleris kun vi milspecajn mizerojn, — grumblis akre sankta Petro. Kaj la Sinjoro vidis ke la animo de Petro estas plena de ĉagreno, do Li ne sentis rankoron.

— Kiel mi diris, vi estas libera, vi povas iri kien vi volas; tamen mi volus scii, kio ĉagrenas vin?

Tiam fine rakontis sankta Petro, kial li estas malfeliĉa.

— Mia kompatinda, maljuna, bona patrino — li diris — mortis antaŭ kelkaj tagoj.

— Nun mi jam scias, kio ĉagrenas vin — diris la Sinjoro. — Tial vi konsumas vin, ĉar via patrino ne venis tien ĉi en la Paradizon.

— Tial — respondis sankta Petro kaj tuj tiom superregis lin la doloro, ke li komencis ploregi kaj vei.

— Mi opinias, ke mi elmeritis, ke ŝi venu tien ĉi, — li diris.

Kaj là Sinjoro, eksciinte kiun funebras sankta Petro, ankaŭ mem malheliĝis. Ĉar la patrino de Petro ne estis tia virino, kiu meritas lokon en la Paradizo. Ŝi zorgis pri nenio krom monakiro: al la mizeruloj venintaj antaŭ la pordon de sia domo neniokaze ŝi donis groŝon aŭ maĉon da pano. La Sinjoro nun ne povis preni sur sian koron ke li diru al Petro: — Filo, via patrino estis tiel avara, ke ŝi ne povas partopreni en la ĉiela feliĉo.

— Petro, — li diris — pro kio vi opinias, ke via patrino estus ĉe ni feliĉa?

— Jen, tion ĉi vi demandas nur. por ke vi ne devu min priaŭskulti — diris sankta Petro gale. — Kiu ja ne estus feliĉa en la Paradizo?

— Kiu ne povas ĝoji pri la ĝojo de aliaj, tiu ankaŭ tie ĉi ne povas esti feliĉa, — diris la Sinjoro.

— Do ankaŭ aliaj ne taŭgas tie ĉi, ne sole mia patrino, — respondis sankta Petro kaj la Sinjoro rimarkis, ke ĉi tiu aludo Lin rilatas.

Li tre bedaŭris, ke sankta Petro mem ne scias kion li parolas en sia doloro. Iom da tempo li staris tie kaj atendis, ĉu Petro ne pripentos siajn vortojn, ĉu li ne rekonos, ke lia patrino ne konvenas en la Paradizo; sed la maljunulo ne volis prudentiĝi.

Tiam la Sinjoro vokis al si iun sian anĝelon kaj ordonis, ke, descendante en la profundon de la infero, li suprenportu la patrinon de sankta Petro en la Paradizon.

— Permesu ke mi vidu, kiel li ŝin portas, — diris sankta Petro. La sinjoro prenis je mano sian serviston kaj kondukis lin sur rokon, kies flanko rekte, kvazaŭ kandelo, kaj subite krutis malsupren. Li montris, ke li devas nur iomete antaŭenkliniĝi, se li volas rigardi rekte en la inferon.

Sankta Petro rigardis malsupren, sed komence li ne vidis pli ol en profunda puto. Senfina, nigra abismo malfermiĝis antaŭ li. La unua, kion li povis klare distingi, estis la anĝelo, kiu jam staris tute prete por sia vojo alprofunda. Li vidis kiel rapidas sentime la anĝelo al la blinda mallumo, kaj nur iomete li disetendas siajn flugilojn, por ke lia falo ne estu tro rapida.

Post kiam la okuloj de sankta Petro kutimiĝis al la terura mallumo, li komencis vidi pli kaj pli. Antaŭ ĉio li komprenis, ke la Paradizo situas sur ronda monto, kiun ĉirkaŭprenas larĝa abismo; en la fundo de la abismo estas la loĝejo de la damnitoj. Li vidis, ke la anĝelo falas pli kaj pli profunden, sed li ĉiam ankoraŭ ne atingis la fundon de la profundo. Sanktan Petron tute teruris tio, ke tiel longa estas la vojo de l'infero.

— Se nur povus li reveni kun mia patrino! — li diris.

La Sinjoro rigardis sian serviston per malĝojaj grandaj okuloj.

— Ne ekzistas tia pezo, kiun ne povus elteni mia anĝelo, — sonis lia voĉo.

Tiel profunda estis la abismo, ke tien neniam atingis sunbrilo. Nigraj ombroj regis malsupre. Sed la flugo de la anĝelo nun kvazaŭ kunportis tien iom da lumo kaj helo; sankta Petro povis distingi la malsuprajn objektojn.

Senlima dezerto de rokoj sterniĝis tie malsupre, ĉie akraj, pintaj ŝtonegoj krutis kaj inter ili briletis nigrakvaj marĉoj. Ne troviĝis eĉ unu verda makulo, eĉ unu arbo, eĉ unu signo de vivo.

Sur la akrajn rokojn grimpis ĉiuloke malfeliĉaj mortintoj. Ili pendis sur la rokoj, esperetante, ke eble iel ili povos sin savi el la profundo. Kaj vidante, ke nenien ili trovas vojon, ili restis sur sia loko supre, rigidiĝinte pro malespero.

Unuj estis kuŝantaj aŭ sidantaj, kaj en sia eterna sopiro etendante la brakojn ili fiksis senĉese supren la okulojn. Aliaj premis siajn manojn al la vizaĝo, kvazaŭ ne volante vidi la senesperajn terurajojn ĉirkaŭe. Eĉ unu el ili ne moviĝis, eĉ ne ektremetis. Estis, kiuj kuŝis senmove en la marĉo kaj eĉ ne provis ŝanĝi sian staton. Sed jen kio estis plej terura: ĉie ili troviĝis amase. La fundon de la abismo kvazaŭ kovris neniо krom amaso de homaj korpoj kaj kapoj.

Sanktan Petron kaptis maltrankvilo.

— Vi vidos, ke li ne trovos ŝin.

La Sinjoro ĵetis al li saman malĝojan rigardon kiel antaŭe. Li bone sciis ke pro la anĝelo sankta Petro ne havas kaŭzon timi.

Sed sankta Petro ĉiam ankoraŭ vidis ke la anĝelo en la terura amaso de la damnitoj ne trovas tuj lian patrinon. Kun etenditaj flugiloj li ŝvebis en la abismo tien kaj tien kaj liaj okuloj esploris.

Tiam iu malfeliĉulo rimarkis la anĝelon ŝvebantan en la abismo. Li saltleviĝis, etendis siajn brakojn al li kaj kriis :

— Kunportu min, ho kunportu min!

Subite viviĝis la grandaj amasoj. Milionoj kaj milionoj, soifantaj en la profundoj de la infero, en la sama momento saltleviĝis, levis la brakojn kaj petege petegis al la anĝelo, ke li suprenportu ilin en la feliĉan Paradizon. Ilia veado atingis la Sinjoron kaj sanktan Petron, kaj la koro de ili ambaŭ ektremis pro doloro.

La anĝelo ŝvebis alte super la damnitoj kaj kiam li turniĝis tien kaj tien, por trovi kiun li serĉas, ĉiuj damnitoj kuregis post lin. Kvazaŭ ventego estus ilin pelinta.

Fine la anĝelo ekvidis tiun, por kiu li venis. Li kunfermis surdorse la flugilojn kaj kvazaŭ sago li falis malsupren. Sankta Petro eksplodis en ĝojkria miro ; li vidis, ke lian patrinon la anĝelo ĉirkaŭprenas kaj levas al si.

— Estu benata, vi, kiu alportas mian patrinon — li dankis.

La Sinjoro averte metis la manon sur la ŝultron de sia servisto, kvazaŭ volante reteni lin, ke li ne ĝoju antaŭtempe.

Sankta Petro preskaŭ ekploris pro la ĝojo, ke lia patrino estas savita. Li ne povis imagi ion, kio nun jam ŝirus ilin unu de la alia. Eĉ pli granda estis lia ĝojo, kiam li vidis, ke, kiel ajn subite levis la anĝelo la maljunulinon, kelkaj damnitoj estis ankoraŭ pli rapidaj kaj kroĉigis al ŝi, kiu jam estis savita, por povi kun ŝi veni en la Paradizon.

Proksimume dekdu kroĉis sin al la vesto de la maljunulino. Sankta Petro pensis: kia honoro estas por lia patrino, ke tiom malfeliĉajn animojn ŝi savos el la damno.

La anĝelo nenion faris kontraŭ la afero. Ŝajnis ke lia ŝarĝo ne estas peza. Li flugis kaj flugis supren kaj la flugilojn li ne movis plie, ol se li portus mortintan birdeton en la ĉielon.

Sed tiam vidis sankta Petro, ke lia patrino komencas



VAN GOGH: KNABINETO

forŝiri de si la malfeliĉulojn kroĉiĝintajn al ŝia vesto. Ŝi kaptis ilian manon, ŝire malkroĉis iliajn fingrojn, tiel ke unu post la alia falis malsupren en la inferon.

Sankta Petro per la propraj oreloj aŭdis, kiel petis, petegis la kompatinduloj. Sed la maljunulino ne povis trankviliĝi je tio, ke ankaŭ alia homo estu savita krom ŝi, ŝi forpuŝis ilin de si, ĵetis ilin malsupren en la mizeron. Dum ili estis falantaj, la aero pleniĝis de ilia veado kaj malbeno.

Nun sankta Petro kriege petis sian patrinon, ke ŝi estu indulgema. Sed la maljunulino nenion volis aŭdi, ŝi nur daŭrigis kiel ŝi komencis.

Sankta Petro vidis ke ju pli malpeziĝas la ŝarĝo de la anĝelo, des pli kaj pli malrapidiĝas lia flugo. En lia angoro la piedoj rifuzis lin servi, li devis fali sur la genuojn.

Fine jam nur sola damnito pendis sur la patrino de sankta Petro. Je ŝia kolo li pendis kaj klininte sin al sia orelo li petis, petegis, ke ŝi lasu lin eniri la benatan Paradizon. Ili jam estis tiel proksime, ke sankta Petro etendis siajn brakojn por akcepti la patrinon. Ŝajnis ke la anĝelo bezonas nur kelkajn flugilfrapojn, kaj li estos sur la monto.

Tiam la flugo de la anĝelo subite tute haltis. Lia vizaĝo malheliĝis kiel nokto.

Ĉar la maljunulino ŝovis la manojn malantaŭen kaj kaptis je brakoj la animon pendantan je ŝia kolo; ŝi tiregis, ŝiradis lin, ĝis fine ŝi sukcesis disstreĉi la kunpremitan manon de la malfeliĉa rifuĝanto, kaj per tio ŝi liberiĝis ankaŭ de la lasta kunulo.

En la momento, kiam la damnito ekfalis, ankaŭ la anĝelo refalis plurajn klaftojn. Ŝajnis ke li ne plu povas levi siajn flugilojn.

Malĝoje li rigardis la maljunulinon, poste li ŝin delasis, faligis, kvazaŭ ŝi, sola, estus por li troa ŝarĝo.

Poste per unu svingo li ĵetis sin en la Paradizon.

Sankta Petro longe kuŝis senvorte en la sama loko kaj la Sinjoro staris senvorte apud li.

— Sankta Petro, — sonis la voĉo de la Sinjoro — mi neniam supozis, ke vi ankoraŭ ploros veninte en la Paradizon.

Tiam la maljuna servisto de la Sinjoro levis sian kapon kaj respondis:

— Kia paradizo ĝi estas, kie mi aŭdas la ploron de miaj amataj kaj vidas la suferon de miaj proksimuloj!

La vizaĝo de la Sinjoro malheliĝis pro profunda doloro.

— Kion mi ja donus pli volonte al vi ĉiuj, ol tian Paradizon, kiu estas la plenpleno de la pura, brila feliĉo! — li diris. — Komprenu do, ĝuste tial mi iris inter la homojn, kaj mi instruis ilin, ke ili amu siajn proksimulojn kiel sin mem. Ĉar sciu, sankta Petro, dum ili ne agas tiamaniere, dum tiu tempo nek tere nek ĉiele troviĝos por ili loko, kie ili ne devus partopreni suferojn kaj malĝojojn.

El la sveda: *Erik D.*

---

# VIKTIMOJ

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

JULIO BAGHY

## SEPA ĈAPITRO

Pasis du tagoj. Johano kaj liaj samĉambranoj okupis sin pri la proksimiĝanta teatra vespero. Ili provis preskaŭ la tutan tagon kaj en la ĉambro N-o 10 restis sola Dogler. Li sidis ĉe la fenestro kaj sur liaj trajtoj rigidiĝis obtuza apatio. La okuloj senlarme rigardis al la muro, kie antaŭ tri tagoj pendis lia altarbildo: patrino kun sia fileto.

Freŝa blanka kvadratmakulo estis la sola videbla postsigno de la tragedio, kiu en lia koro postlasis similan malplenon. Liaj manoj jen nerve pugniĝis por momento, jen inerte malfermiĝis. Eĉ por kolero li ne havis forton. Sed en la mistera profundo de lia interno ĝermis venĝo. Senpova, sangavida venĝo.

Nun li turnis for la okulojn. Lia rigardo ĉirkaŭvagis en la malgaja kriptoĉambro kaj haltis ĉe la lito de Doŝky.

Knabeto, zorge kovrita per soldatmantelo, dormis tie. Dogler surpriziĝis, sed liaj okuloj ne perdis tiun strangan rigidecon. La infano ŝajnis vaksflava mortinto, almenaŭ Dogler vidis lin tia. Similan karmemoran mortinton havis ankaŭ lia koro. Tiun forprenis de li la vivo, dum tiun ĉi la morto forrabis. Li longe meditis kaj ne povis kompreni, kial oni metis tiun ĉi mortintan infanon en la ĉambron.

Lia turmentita cerbo mizere ekfunkciis. Zigzagaj pensoj, desegnis bildojn antaŭ li. De longe forsonintaj ridoj, pepaj infanbabiloj tiklis liajn orelojn. Infanaj manetoj tuŝis lian vizaĝon, tiris liajn lipharojn. Iom post iom mildiĝis liaj trajtoj kaj aperis ia grimaca rido ĉe liaj lipoj kaj iom poste falis larmo al la senkonscie pugniĝinta mano. La unua varma larmo kaj poste la dua, tria ĝis fine torente fluis la sala maldolĉa akvo el la fonto de la doloro. Lian tutan korpon skuis la ploro. Ia haltigita krio kunpremis lian gorĝon, sufokadis lin. La kolumo fariĝis fera ringo, kiun li devas rompi por libere spiri. La soldata bluzo ŝajnis peza kiraso, kiun li devas frakasi por liberigi sin.

Liaj manoj kun senespera gesto ekkaptis la kolumon kaj disŝiris. Per sola ektiro li malfermis la bluzon kaj la deŝiritaj butonoj brue disruliĝis sur la planko. Singulta plorekkrio eliĝis el la sufokata gorĝo. — Fileto! Fileto mia!

Fale li ĵetis sin sur la tablon kaj la senvoĉa ploro skuis lin.

La pordo malfermiĝis. Kun pakaĵeto en la mano staris tie Fiza. Senbrue refermante la pordon ŝi embarase rigardis la ploregantan viron. Kion fari? Ŝi eĉ konsoli ne povas lin. Li ne parolas ruse kaj ŝi ne hungare. Tamen post momento ŝi ekiris kun hezito en la koro, kun ŝanceliĝo en la piedoj. Haltinte apud li ŝi jam etendis la manon por milda kareso, sed subite ŝi retiris ĝin. Eble li fariĝos nerve kolera miskomprenante ŝian sinceran simpation kaj la kompaton rekompencos blasfemado. Ŝin, tiel junan, kiom da senjustaj kruelaĵoj instruis eviti virajn kapricojn!

Ŝi do turnis sin al la lito, kie la infano dormis. Metinte la pakaĵon sur la litrandon ŝi prenis el la poŝo poteton da lakto, kiu nun estis amaso da glacio kaj kliniĝinte ŝi kisis delikate la frunteton de la infano.

En tiu momento Dogler levis la kapon kaj rimarkante ŝin lia mieno esprimis jen suprizon, jen konfuzon. Ekvibris lia rememorpovo. Iom post iom malhela konjekto klariĝis en li pri la antaŭaj tagoj, pasigitaj duonkonscie en la lito. La vekiĝinta rememoro aperigis la okazintaĵojn de la malfeliĉa vespero. Tiam al li kliniĝis virina vizaĝo kaj zorgmiene atentis pri liaj movoj. Strange, sed tiam li imagis, ke lia edzino klinas sin pente al li. Dum tiuj febraj horoj li pardonis ŝin. Nun vidante ĉi tiun knabinon, li eksciis, ke stratvagulino sidis longajn horojn ĉe lia lito. Nur stratvagulino kaj ne la edzino, kiun li adoris kaj kredis senmakula martirino.

Nun la idolo kuŝas en fundo de marĉo. La edzino kaj la stratvagulino egalas. Eble tiu ĉi lasta superas la unuan. Dolora medito taŭzis lian koron.

Fiza rektiĝis kaj sidiĝis sur la lito. Iliaj rigardoj rekontiĝis. Dogler kunfuziĝis sub la rigardo de l' kompataj bluokuloj kaj sentis la neceson de ekparolo.

— Ĉu li vivas?

Fiza bonkore ridetis.

— Kion vi volas, sinjoro Dogler?

Mucida rideto kurbigis liajn lipojn. Ili ja ne komprenas unu la alian. La knabino atendis. „*Niĉevo*", li diris kun preteriga gesto kaj turnante sin al la fenestro komencis skrapadi per la ungoj la glaciflorojn de sur la vitroj. Fiza volis sin helpi per mimiko. Ŝi estis iom groteska, sed infane ĉarma dum sia penado.

— Ĉu vi deziras trinki teon? Ĉu manĝi vi volas?

Dogler kapneis kaj ŝi, levinte la ŝultrojn, dediĉis sin al

la knabeto. Ŝi ridetis al li, kvazaŭ revante pri ia neatingebla feliĉo kaj poste leviĝis. La poteton da lakto ŝi metis en la fornon. Ĝi degelu kaj varmiĝu. El la pakaĵo ŝi prenis kukon kaj rostitan kokidaĵon. Ŝi aĉetis ilin en la urbo por la mono de Doŝky. Poste el sub la lito ŝi prenis alian pakaĵon kaj komencis altranĉi infanan *„rubaŝkon“* (bluzĉemizon) el soldata mantelo. Kiel sperte ŝi faris ĉion. Ne unuafoje en la vivo. Ŝi ja havas kelkajn fratetojn. Post la tondilo venis la vico de la kudrilo kaj la filigranaj manetoj kun rapida lerteco aplikis, stebis, kudris.

La knabeto vekiĝis kaj la grasaj pugnetoj frotis la duone dormantajn okulojn. La buŝeto malfermiĝis je oscedo, kies fino fariĝis kaprica plorpepado. Fiza formetis la laboron kaj kuris al li. Dogler dronis en konfuzaj pensoj.

— Li ja vivas. Kial mi pensis lin mortinta? Strange. Kial?

Dume Fiza, prenis la varmiĝintan poteton el la forno, la pecigitan kukon metis en la lakton, serĉis kulereton kaj manĝigis la infanon.

Iu malfermis la pordon. Izor Steiner staris sur la sojlo. Lia larĝrida mieno tuj ŝanĝiĝis, kiam li rimarkis Dogler. Post duonlaŭta saluto li komencis gratadi sian nukon kaj facile estis diveni el lia mieno, ke li venis konsoli, sed ne scias kiel komenci. Li tusis kelkfoje, prenis grandan poŝtukon, brue purigis la nazon kaj intertempe malbenis la gripon, kiu kvazaŭ epidemie infektas la malfeliĉajn judojn. Vidante, ke li vane atendas respondon, laŭte li ekridis.

— Mi povus veti, ke vi opinias nun: tiu ĉi maljuna Izor venis vendi aŭ aĉeti. Vi eraras. Mi diras al vi, ke vi eraras kaj tial mi ne volas veti. Kial veti, se estas evidenta la eraro? Ĉu ne?

## *PRINTEMPO EN LA HOMO*

*Johannes Barbarus*

*Kojnakra triangul' — la koro*
*sopire penas elrapidi*
*el' brusto mia, — ĉion vidi, —*
*Aŭskulti kvazaŭ bird' en kaĝ-izolo,*
*ĉu kantas ie kor' purpura*
*pro vivĝojo senmezura.*

*Ho, kie aŭdi de l'kanario la kantojn orflavajn!*
*plaĉas al mi eĉ paserpepado blua, —*
*ho, la kor' ne estas ŝtona, senĝua:*
*havas ekstaz' mia ruĝflugilojn ravajn, —*
*alaŭde anim' mia*
*alte flugas sen tim' ia.*

*Ho, mi ĝojas pro cerbo la flore brila,*
*pro animo mia en kreskad' senlima,*
*pro spirit' soifanta, delikatesprima.*
*Aŭdu nur, jam trumpetad' sonore trila*
*feste en kor' mia sonas:*
*mi en la ondoj de l'sentomaro dronas.*

*Aŭdu, purpura sturnokant' korŝire nun*
*ardas kaj flagradas en flamar' hela,*
*jen rondflugadas jam kolombopar' bela!*
*Verdan amokanton tintigas sopire nun*
*sur mandolin' junulo klorofila,*
*koro — florburĝon' trankvila.*

*Mi kuŝiĝas. Sentas: kvazaŭ diant' gracia*
*mia korpo burĝonas kaj bonodoras.*
*Jen ario komika la koron boras;*
*la najtingal' ekstaza — kant' magia, —*
*per bril' fosfora ploras, ridas ĝi, —*
*en la mallum' la trilojn ardi vidas mi.*

El la estona: *Hilda Dresen*

Rim.: Johannes Barbarus (F. Vares) estas la plej revoluciema estona poeto. La poemo „Printempo en la homo“ estas el lia kvina poemkolekto „Geomeetriline inimene“ (Geometria homo) aperinta lastjare. La poeto tre simpatias al Esperanto.

Li atendis momenton, gratis la nukon, okulsignis al Fiza kaj plilaŭtigante la voĉon daŭrigis.

— Vi estas tute prava. Mi ne venis vendi, nek aĉeti eluzitajn bluzojn, pantalonojn, ŝuojn, kaj uzeblajn, sed jam flikitajn ĉemizojn, kalsonojn, ŝtrumpojn kaj . . . precipe mi ne venis veti kun vi, sinjoro Dogler. Do kial mi venis? Vi rajte demandas. Kaj mi respondos. Mi venis. Jes, mi venis, ĉar kuŝante sur mia litbenko mi meditis pri la vivo. Tre strange, sed se mi ne dormas mi ĉiam pensadas. Eĉ se mi dormas, mi kutimas kalkuladi, ĉar el kalkulado konsistas la vivo de ĉiu malriĉa homo. Foje en sonĝo mi kalkulis la malprofiton, kiun kaŭzas al mi mia samfirmano Salomono. Kiam mi vekiĝis, mi tuj diris al li: kien vi metis la kvin rublojn, enspezitan por la kapitana bluzo de sinjoro kadetaspiranto Havassy. Ĉar sinjoro Havassy estas nur simpla kadetaspiranto, jam pli ol ses monatojn. La kapitanan rangon li donis al si nur en la militkaptiteco, sed de kiam lia kompanikomandanto kapitano Gyalai ankaŭ estas en la tendaro, li degradis sin pro singardemo. Nuu kaj Salomono tuj paliĝis, mi vangofrapis lin, li donis la ses rublojn kaj . . . Jen kiel utile se oni kalkuladas ankaŭ dum dormo.

Dogler ne atentis pri li. Izor kelkfoje glutis, rigardis al Fiza, kiu mute klarigis al li, ke la peno estas vana. Izor aliris kaj diris ruse:

— Mi venis konsoli lin.

— Neeble. De du tagoj li sidas tie kaj al neniu parolas. La manĝaĵon li rifuzas. Hodiaŭ mi vidis lin unuafoje plori. Li skrapas kaj ĉiam skrapas la glacion de la vitroj.

Izor kompate balancis la kapon. Ili ĉiuj silentis. Subite, surprize Dogler turnis sin al Izor.

— Kial mi pensis lin mortinta? Diru, kial?

Izor surpriziĝis. Li ne komprenis la demandon kaj en la mieno de Dogler estis io, kio tremigis lin.

— Kiun vi pensis mortinta, sinjoro Dogler?

— La infanon.

Izor faris ian tre komikan mienon de ektimo kaj flustris ruse al Fiza.

— Li freneziĝis. Dio, li freneziĝis.

Poste kun altrudita kuraĝo li respondis.

— Ĉar li dormis kaj vi pensis lin mortinta. Tute simple. Ne mirinde. Ankaŭ Salomono, mia kunfirmano, dormas ofte tiel profunde, kiel mortinta azeno. Tute simple. Ne mirinde.

Dogler denove turnis sin al la fenestro kaj skrapis la glacion. Li faris jam manplatlarĝan lokon, tra kiu oni povis vidi la straton. Fiza reprenis sian kudrolaboron, Izor sidiĝis kontraŭ Dogler kaj post iom da hezito alparolis lin.

— Sinjoro Dogler . . . sinjoro Dogler . . . aŭskultu min! Verdire mi estas nur simpla judo kaj nenio pli, sed . . . sinjoro Dogler . . . aŭskultu min! Ankaŭ mi havas edzinon kun geinfanoj en Mármaros, Dio helpu kaj gardu ilin, kaj ankaŭ mi ofte pensis tiajn aferojn . . . tiajn aferojn . . . nu . . . mi ne trovas la plej ĝustan esprimon . . . vi ja komprenas min . . . Ĉu ne?

— Kiajn aferojn? — ĵetis la demandon Dogler ne turnante sin.

—Nu, tiajn aferojn, en kiuj la virino estas ne sen peko . . . vi ja komprenas min . . . kaj mi pensis, ke tiajn aferojn mi ne povus ĝisvivi . . . .

— Kaj okazis?

— Nenio okazis kaj nenio okazos. Unue, ĉar mia edzino estas jam ne tiel juna ke iu havu apetiton pri ŝi. Due, ĉar ŝi neniam havis apetiton eĉ pri mi, kial ŝi povus havi pri fremdaj. Trie . . . sed kial mi diru? Mi havas kvin geknabojn, belegajn infanojn, kvin malgrandajn judojn el kiuj kvar estas knaboj kaj unu ĉarma knabineto, eta kiel kokideto. Ŝi naskiĝis dum mi estis en la fortikaĵo Przemisl. Mi eĉ ne vidis ŝin, sed mi scias, ke ŝi estas kiel kokideto. Nuu, se tiuj kvin infanoj ne povus gardi ŝin kontraŭ la tento, tiam eĉ Dio ne povus gardi ŝin, ĉar Dio estas en la infanaj animoj . . .

Dogler faris nervan movon, sed Izor bonkore prenis lian manon.

— Ne skrapu, sinjoro Dogler, ne skrapu! Lasu min paroli! Mia koro sangas, se mi rigardas vin. Vi turmentas vin. Aŭskultu min. Do . . . kiam mi pensis pri tiaj aferoj, mi havis sangavidajn pensojn kaj Salomono povas diri, ke mi ne estas malkuraĝa homo. Foje . . . sed ni lasu la pruvojn! Mi volas al vi rakonti la aferon de mia najbaro, kiu dormas apud mi de tri jaroj.

Dogler interesiĝante levis la kapon.

— Ĉu ankaŭ li havis tiajn aferojn?

— Ĵus mi volis diri tion. Antaŭ kelkaj monatoj li ricevis leteron de sia edzino. Ŝi skribis malmulte, sed tamen tre multe.

Ŝi sciigis pri la naskiĝoj de bovido kaj de nova knabeto, kies patro estas iu rusa militkaptito, ne de la bovido, sed de la knabeto . . . Nu, kaj kio? Ŝi petis pardonon kaj nenio pli . . .

— Kaj kion faris via najbaro?

— Li diris longan blasfemon kaj poste trankviliĝis. Nova knabeto, la familio plimultiĝas. La bovido fariĝos bovo kaj tiros la jugon, la knabeto fariĝos forta junulo kaj helpos en la laboro. Kial ekscitiĝi? Li trankviliĝis kaj pardonis. La ĉagrenon li jetis al la diablo. Ĉagreniĝu la diablo! Oni ne povas pli prudente fari. Eble li donos hejme kelkajn vangofrapojn al la virino kaj ĉio estos en ordo. Mi multon lernis el tio, sinjoro Dogler, tre multon. Unue . . .

Dogler ne plu atentis pri liaj paroloj. Li salte leviĝis, prenis mantelon kaj volis forkuri el la ĉambro. Fiza kaj Izor retenis lin.

— Kien vi volas, sinjoro Dogler?

Li ŝajne retrankviliĝis, sed nur por momentoj. La retenita kolero denove ekflamis en li kaj per sia tuta forto li ekskuis la antaŭ li tremantan Izor.

— Izor! Iru tuj al tiu fripono kaj diru al li, ke mi atendas lin!

Izor komencis petegi lin, sed nenio helpis. Dogler kriadis.

— Iru, kaj diru, ke mi atendas lin! Li venu tuj, aŭ mi mem iros kaj mortbatos lin kiel rabian hundon. Iru, iru, tuj, tuj, tuj!

Izor senespere tordis la manojn. La senpacienco de Dogler kreskis ĝis furiozo. Subite li eksaltis, kaj antaŭ ol ili povis lin reteni, li forkuris el la ĉambro. Izor veante sekvis lin.

— Kion vi volas fari, sinjoro Dogler? Haltu, haltu! Mi estu fava hundo, se mi ion komprenas el la afero.

Fiza restis sola kun la infanoj. Ŝi hezitis. Kion fari? Ĉu forkuri al la teatro kaj sciigi la aliajn? Sed pri kio? Ŝi ja nenion komprenis el ilia hungara parolo. Fine ŝi volvis la infanon en mantelon, kaj ekiris. Kurante ŝi direktis sin al la teatro. Dumvoje li rekontis Izor, kiu malespere rakontis, ke Dogler volas dueli kun tiu kadetaspiranto.

— Dueli? Ĉi tie? Sen glavoj, sen pistoloj? — ŝi miris.

— Jes! Dueli, dueli! Ankaŭ mi diris, ke ne eble, sed li tiel strange ridetis. Li eble scias ian novan duelformon, ĉar li raŭke kriadis: ne vane mi skrapis la vitron. Mi scias kiamaniere dueli. Hodiaŭ devas morti unu el ni! Terure, Fiza! Kion ni faru? Kiel ni malhelpu lian frenezaĵon?

Fiza rememoris pri io, kio teruris ŝin. Ŝi rememoris, kiel Dogler rigardis tra la purskrapita vitro kaj kiam la rusa patrolo pretermarŝis, kiel subite ŝanĝiĝis lia konduto. Ŝi rememoris, ke antaŭ unu jaro okazis stranga duelo: la tirinto de nigra globo devis ataki la rusan patrolon. Tiun malfeliĉan junulon oni mortpafis. Ŝi ĉiam pli konvinkiĝis, ke ŝi divenis la intencon de Dogler.

— Sinjoro Steiner, — ŝi decidis — iru tuj al la teatro kaj informu la sinjorojn Doŝky kaj Bardy. Ili nepre venu tuj. Sinjoro Dogler estas en mortdanĝero! Mi restos. Mi atendas la patrolon. Rapidu, rapidu!

— Kaj vi volas resti ĉi tie? mi ne komprenas.

— Iru, iru! Ne perdu tempon! Mi devas resti.

Izor ekkuris, sed ĉiumomente ekglitante sur la glacia vojo, nur malrapide li povis ekspedi sin. Fiza sekvis lin per rigardo, ĝis lia mizera figuro malaperis ĉe vojkurbiĝo. Tiam ŝi serĉis ŝirmon sub la pordego de neloĝata barako. La vento akre blovis. La infano eksploris. Ŝi premis lin pli forte al si.

La vojo estis senhoma. Ĉe la dekstra fino staris la barako de la gardistaro. El tiu direkto ŝi atendis la patrolon. Ĉe la kontraŭa fino viciĝis la oficiraj barakoj. De tie devus veni Dogler. Pli ol kvaronhoron ŝi atendis, sed neniu montris sin. Ŝia ekscitiĝo ĉiam pliiĝis, kaj la frosto tute penetris ŝin dum la longa starado. La infano ekdormis sur ŝia sino. Tomba silento ĉirkaŭis ŝin. Neeble plu resti staranta samloke. Necese estas marŝadi. Ŝi ekiris do al la barako de la patrolo.

La neĝo grincis sub ŝiaj facilaj paŝoj, ĉi tio estis la sola brueto ĉirkaŭ ŝi. La silento strange impresis ŝin. Ŝi pensis pri sia sencela vivo kaj la unuan fojon ŝi sentis ian misteran bonfarton en sia animo. Nun ŝi havis celon: fari bonon al aliaj. Ŝi ekridis mokante sin mem, sed nun en la fundo de la koro ekvibris kordeto kaj ĝi dolĉe mistifikis ŝin. Jam de longe ŝi konjektis tion, ke pli ol profitemo de vagulino, pli ol simpatio al artistoj kaj pli ol homama kompato kroĉas ŝin al tiu ĉambro, No 10. Komence ŝi ne kredis al si, poste memironie mokis sin pro la sento, poste longajn horojn plorante malbenis sian vivon kaj fine ŝi kapitulacis al la sorto. Nenion ŝi esperis, nenion ŝi volis — nur vidi lin, la solan, kies rigardo ŝin levis el la marĉo al la veraj homoj. Ŝi faris ĉion por plaĉi al li kaj li eĉ ne konjektis tiun koran sekreton, kiu tiel dolĉe turmentis ŝin.

Dum la marŝo ŝi jam preterlasis ankaŭ la artistan barakon. Por momento ŝi rerigardis, ĉu Dogler ne revenas, sed la vojo estis senhoma. Ŝi marŝis plu.

Sed post kelkaj paŝoj ŝi haltis. Patrolo, dekses soldatoj, venis el la barako kaj kvarope viciĝis. Gvidanto, (ne suboficiro, ĉar la nova reĝimo nuligis ĉiun rangon en la armeo,) komandis ilin. Li estis juna alta knabo. Foje ŝi renkontis lin ie. Estus bone paroli kun li antaŭ ol okazos io. Ŝi restis staranta. La patrolo devas veni sur tiu ĉi vojo por atingi la kazernon.

La patrolo ekmarŝis kaj proksimiĝis. Sur la pafiltuboj brilis la bajonetoj kaj gaja soldatkanto eksonis. Dogler ne venis. Ŝi ekĝojis, kiam antaŭ la oficiraj barakoj ŝi ekvidis kelkajn militkaptitojn, kiuj rapide proksimiĝis. Verŝajne la kamaradoj de Dogler. Ĉe la vojkurbiĝo la patrolo ŝanĝos direkton kaj tiam Dogler plu ne povos renkonti ĝin. Ŝi ekspiris profunde — la danĝero estas pasinta! Kaj ŝi trankvile ekiris al la proksimiĝantaj militkaptitoj.

Sed subite ŝi haltis konsternite. La soldatkanto ĉesis. Krioj, blasfemoj, obtuza bruo de batoj venis al ŝiaj oreloj. Ektiminte ŝi turnis sin.

Je sia plej granda teruro ŝi vidis tie malesperan luktadon. La soldatoj furioze batadis per pugnoj, pafiloj, militkaptiton, kiu plengorĝe kriadis, hungarlingve.

— Mortigu min, sed ne batu! Mortigu min!

Fiza plenforte ekkuris al ili, kaj ŝi kriadis, malespere.

— Ne batu lin! Lasu lin! Li estas frenezulo! Frenezulo!

La soldatoj momente ĉesigis la furiozan batadon. Ili rigardis la kure proksimiĝantan Fiza. La militkaptito falis teren kvazaŭ senviva. El lia frunto fluetis sango.

— Kion vi diras? — alkrias unu el la soldatoj.

## *EN SOL'. . .*

*K. de Kalocsay*

*Ĉu en ĉambreto, dum vespersilento,*
*Aŭ eĉ, en la tumulto de popol'*
*Subite ne atakis vin la sento,*
*Ke estas vi en sol', en surda sol',*

*Ke via kor', turmente pro senpovo,*
*Frapadas al la mur' de via sin',*
*Kiele sub la ter', post katastrofo,*
*Ministo en la enfalinta min'...*

*Kaj kormilionoj sub la sama fato*
*Baraktas, signas per obtuza bat'.*
*La am', la am', jen estas tia bato*
*Kaj tia bato estas la kompat'.*

*Potencaj batoj sonas, ho, sed svene,*
*Senforte mortas sub la surda ter',*
*Kaj tamen ĉiam sonas batoj pene,*
*Jen kun espero kaj jen sen esper'.*

*Ho, se alvenus sopirata savo*
*Portanta korojn al radia lum':*
*En ĝoj' ebria, en eterna ravo,*
*En dancoĉenon fandus fratbrakum'!...*

*Espero trompa... Tiu sav' malfruas...*
*Profunde kuŝas enfalinta min'...*
*La kor' fermita malespere bruas*
*Frapante vane el la mur' de sin'...*

— Frenezulo, frenezulo . . . Ĉu vi ne vidas?
— Frenezulo? Ne! Rabia menŝeviko! . . . Ni mortbatu lin!
Unu el ili, ursosimila bubo sovaĝe piedpuŝis al la kapo de la malfeliĉulo, kiu mallaŭte ekveis. Fiza alvenis ĝuste en la momento, kiam iu alia volis per bajoneto doni al li la lastan pikon. Per subita frapo ŝi forjetis la pafilon el lia mano.
— Bruto! Vi ĉiuj estas brutoj! Ĉu vi ne hontas tiel turmenti, senarmilan homon, malfeliĉulon, frenezulon? Vi, armitaj ursoj! Ĉu ne honte al vi?!
La patrolgvidanto kubutpuŝis ŝin, okulumis kaj ridegis.
— Ĉu via amanto?
— Ne! Je Dio ne! Frenezulo! Malfeliĉa frenezulo!
— Ĉu vi konas lin?
— Kiun ŝi ne konas el la militkaptitoj? — rimarkis unu kun brua ekrido.
— Jes! Mi konas lin. Mi konas lin. Li estas tre bona homo. Subite li perdis la saĝon. Li havis malfeliĉon. Mi konas lin. Li freneziĝis.
Fiza, premante al si per unu brako la infanon, per la libera mano forigis la sangmakulajn harojn de la frunto de l' vundito, ekgenuis, sed tuj ŝi saltleviĝis kun surpriza ekkrio. La malfeliĉulo ne estis Dogler. Ŝi vidis tute nekonatan vizaĝon. Junulo kun infanaj trajtoj. Ŝia surpriziĝo preskaŭ perfidis ŝin. Kiel ŝi komprenu ĉi tiun ŝanĝon? Ŝi konfuziĝis. Poste ŝi divenis. La sorto ĉe la nomtiro indulgis la trompitan edzon. Ŝia kompato tamen ne estis malpli al la nekonato ol ĝi estis al Dogler.
Intertempe kure alvenis ankaŭ Bardy, Doŝky kaj Keĉemen. Ili tuj komencis pritraktadon kun la soldatoj, kiuj nun vere hontis sian furoron kaj provis iamaniere pravigi sin per la armea disciplino kaj stabordono. Doŝky kliniĝis al la vundito kaj rekonante lin, li ekscitite turnis sin al Bardy.
— Li ne estas Dogler, sed tiu juna kadetaspiranto.
— Kiu kadetaspiranto?
Doŝky subite rememoris, ke ili ankoraŭ nenion sciigis al Bardy.
— Kiu kadetaspiranto? — ripetis Johano.
— Nun ne gravas la tuta afero. Hejme mi klarigos al vi ĉion. La vunditon ni devas tuj porti en la hospitalon.
Keĉemen kaj Doŝky levis la malfeliĉulon kaj portis al la apudvoja barako, ĉe kies pordego jam staris kelkaj scivolemuloj. Unu el ili kuris al la kuracista barako por venigi helpon. Ili metis la vunditon provizore sur litbenkon. Keĉemen restis ĉe li. Doŝky revenis.
La patrolo jam viciĝis por formarŝo, kiam la gvidanto subite turnis sin al Fiza.
— Kies infanon vi havas ĉe vi?
Fiza faris spitan kaj impertinentan mienon.
— Ne la vian, brutgvidanto.
La vizaĝo de la gvidanto malheliĝis.
— Mi scias. Sed nek la vian. Mi devas scii, kies infanon vi tenas ĉe vi?
— Ne estu tiel scivola!
— Se vi tuj ne respondas, mi arestos vin kune kun la infano. — Kaj liaj brovoj minace kuntiriĝis. — Laŭdire Medvedjuk, la tigro, vagas alivestite en la urbo. Li serĉas sian idon. Ni devas trovi la malgrandan tigron, por havi garantiajon kontraŭ la ĉefo de la menŝevika hordo.
Fiza paliĝis, poste nerve ekridetis. Ŝia rigardo malespere serĉis konsilon en tiuj de Doŝky kaj Bardy. Doŝky tremadis en la tuta korpo. Bardy staris trankvile, eĉ facila rideto ludis ĉe liaj lipanguloj. La gvidanto jam etendis la manojn al la infano, kiu terurite de la fremda viro ekkriis kaj serĉis defendon sur la sino de Fiza.
— Al panjo, al panjo . . . — ripetis senĉese la etulo.
Fiza kun energia forpuŝo flankenigis la etenditajn manojn kaj provoke kontraŭrigardis la soldatojn.
— Nu! Vi aŭdis nun! La infano mem diris. La patrino estas mi. Ĉu vi aŭdas, brutgvidanto? Kaj se ankoraŭ unufoje vi kuraĝos eĉ tuŝi lin, mi donos al vi tian vangofrapon, ke dum monato vi serĉos vian kapon. Vi volas min aresti? Min? Mi tuj kuras al la komandantejo por plendi, ke pacajn kamaradinojn oni atakas survoje kaj volas forrabi ŝiajn infanojn. La patrino estas mi. Mi. Mi. Nun vi scias jam.
La soldatoj ekridis. La gvidanto surprizite de tiu ĉi vortotorento iom pli cedeme demandis.
— Nu kaj la patro?
Johano subite paŝis antaŭ la soldatojn kaj forprenante la infanon el la brakoj de Fiza, kisis lin. Fiza senvole alpremis sin al Johano. Doŝky miris. La soldatoj ĉesis ridi. Estiĝis stranga, preskaŭ solena silento. La gvidanto bone konis Johanon kaj sciis, ke li estas favorato eĉ en la nova reĝimo. Pro tio respekte li alproksimiĝis kaj flustre demandis.
— Ĉu vi estas la patro, kamarado Bardy?
Johano trankvile ridetis.
— Ne! La infano ne konis patron — nur patrinon. Li kun tiu ĉi knabino apartenas al mi, ĉar viran maljuston povas ripari nur vira justo.
La gvidanto embarasiĝis. Li rigardis al siaj kamaradoj, kvazaŭ petante konsilon de ili. Doŝky ne komprenis la trankvilon de Johano. Nur Fiza tenis sin firme kaj plenfide. Ŝi sentis ke li havas ion certan en la mano, por savi ilin.
La soldatoj interkonsiliĝis duonlaŭte. La respondo de Johano estis tro enigma por ili, sed la firma tono efikis. Ili hezitis. Fine decidis la gvidanto. Oni devas esplori la aferon. Li turnis sin rekte al Johano.
— Kamarado, respondu en la nomo de la leĝo! Kies infanon vi havas ĉe vi? Se li estas la filo de Medvedjuk, ni devas forpreni lin de vi, kaj vi respondos por tio al la revolucia juĝistaro. Pruvu per dokumento, ke ni ne suspektu vin.
Johano ridetante prenis el sia interna poŝo paperfolion.
— Jen! Rigardu, trankviliĝu, kaj lasu nin! Jus alvenis la kuracisto kaj ni devas esti ĉe nia malfeliĉa samsortano.
La gvidanto transprenis la oficialan dokumenton. Li rigardis longe, ekzamenis la stampojn, subskribojn, etendis ĝin kontraŭ la suno, gratis la nukon, rigardis la infanon, denove la dokumenton kaj fine ekridis longe, laŭte, eĉ bonkore.
— Diablo vin helpas, kamarado Bardy! Diablo vin helpas! Kion fari? La dokumento ne estas falsa, la infano ŝajnas tiom aĝa, kiom estas skribita. Diablo vin helpas, kamarado! — kaj li ekridis denove.
Kaj la patrolo formarŝis. Du soldatoj restis, por akompani la vunditon.



VAN GOGH: TASO DA KAFO

Johano metis la dokumenton en la poŝon kaj ekiris al la barako. La du soldatoj, Fiza kaj Doŝky sekvis lin. Al tiu ĉi lasta li nun klarigis la aferon, hungare, ke la aliaj ne komprenu.

— Kiam vi forkuris kun la infano, mi kaj Katja interkonsiliĝis. Kiel gardi la infanon kontraŭ venĝo? Tion, la plej gravan, vi forgesis en via entuziasmo. Vian forgesemon ni povis korekti, dank' al Marusa.

— Dank' al Marusa?

— Jes. Al Marusa antaŭ du jaroj naskiĝis eksterleĝa knabeto, kiu mortis post kelkaj monatoj. La knabeto mortis, sed la baptodokumento restis. Ĝi pendis en la kuirejo sur la muro super ŝia lito. Ĉiujare ŝi kutimas bruligi kandelon antaŭ ĝi dum la tago de mortintoj. Ni pruntepetis tiun dokumenton. Kial ne? Mi lernis tion de vi. Se la mortinta Doŝky povas vivi, kial ne la mortinta senpekulo.

Doŝky, malagrable tuŝita de tiu ĉi rimarko, riproĉe rigardis la vizaĝon de Johano, sed ties trajtoj estis tiel mildaj, senofendaj, ke lia indigno malaperis.

Ili atingis la barakon. Keĉemen atendis ilin ĉe la pordo. Malgaje li balancis la kapon.

— La brutoj preskaŭ frakasis lin. Du ripoj estas rompitaj. La kranio kontuzita kaj kelkaj vundoj sur la brusto kaj la dorso. Li perdis la konscion. La kuracisto havas ne tre multan esperon pri li.

— Kaj Dogler? — demandis Bardy.

— Neniu vidis lin. Verŝajne li estas hejme.

La barakpordo malfermiĝis kaj du flegistoj kun la portilo elpaŝis. La kuracisto sekvis ilin, la du soldatoj aliĝis kaj la malgaja trupo ekiris al la hospitalo. Johano haltis meditante. Li vane serĉis en ŝiaj memoroj, ne trovis tie la vizaĝon de la malfeliĉulo. Kian interrilaton li havis kun Dogler. Li neniam vidis kune ilin. Ili duelis. Tion li eksciis el la ekscitita balbutado de Izor Steiner, sed la kaŭzo? Li ne povis kompreni ke Dogler, tiu bonkora, silentema kaj pacama viro, povus postuli tian sangavidan satisfakcion pro ia bagatela ofendo.

Fiza ektuŝis lian manon.

— Sinjoro Bardy, ni iru hejmen. Malvarme kaj la infano frostotremos.

Kvazaŭ por forpeli ĵus estiĝintan konjekton li faris nervozan geston, profunde ekĝemis kaj senvorte ekiris. Doŝky zorgŝarĝite paŝadis apud li. Kiamaniere klarigi al Johano la tragedion? Kion mensogi? Kiom el la vero malkaŝi? Ĉi tiujn pensojn rompis tute neatendite indigna ekkrio de Johano.

— Frenezajo! Besta frenezajo!

— Pri kio vi parolas? — surpriziĝis Doŝky.

— Besta frenezajo estas, ke oni mordas unu la alian pro afero privata de iu tria persono. Besta frenezajo estas, ke viro rigardas virinon sensanga posedajo. Besta frenezajo estas, ke la korpan purecon oni metas antaŭ la animan. Besta frenezajo estas havi idolon kaj post falo de la idolo oferi homajn vivojn por la polviĝinta falsa dio.

Doŝky jam sciis, ke Johano divenis ĉion. Tamen mirigis lin tiu ĉi filozofio tiel subite eksplodinta. Tiu ĉi pensmaniero jam similis al la lia. Kontraŭvole li ekridetis kaj konstatis, ke la bela prokuroredzino havas tre fortan influon al Johano.

— Rigardu, Petro, — li daŭrigis — tiun ĉi knabinon. Mi diras al vi, ke tiu viro, kiu al ŝi redonos ŝian honeston antaŭ la socio, havas pli valoran trezoron ol tiu, kiu kondukas sian edzinon ĉasta al altaro rekte el monaĥinejo. La animon de tiu ĉi hardis la mizero, la vulgareco de la viroj, la sinsekvaj sortobatoj. Mi kuraĝus veti, ke ŝi, renaskiĝinte en la amo de honesta viro, povus konkuri kun monaĥineja virgulino en ĉiuj tentoj. Ĉu vi vidis ŝin hodiaŭ? Kiel heroe ŝi defendis tiun fremdan knabeton.

Doŝky ne respondis. Li jam delonge divenis la sekreton de la knabino. Ŝi jam renaskiĝis en la amo de honesta viro, nur la viro ne scias pri tiu ĉi amo. Kaj li neniam devas scii pri tio.

Johanon incitis la silentado de Doŝky. Li ĉiam ekscitiĝis kaj fariĝis nervoza, se oni ne patroprenis en liaj pensoj, se oni ne samgrade entuziasmiĝis pri tio, kio lian koron ekflamigis. Li volis montri sian sinceran estimon al la knabino.

— Fiza!

Ŝi haltis kaj atendis ĝis Johano atingis ŝin.

— Ĉu vi deziras ion, sinjoro Bardy?

Johano ekprenis ŝian manon kaj per belaj vortoj dankis ŝian hodiaŭan helpon. Fiza ekruĝiĝis, larme brilis ŝiaj okuloj kaj poste longe ŝi ridis. Ridis feliĉe, trile kaj protestis.

— Kial? Kial danki? Ĉar mi montris hodiaŭ la „anĝelan parton"? Eble venos tempo, ke mi konigos ankaŭ la „diablan".

Ili atingis la barakon de artistoj. Johano kaj Doŝky antaŭrapidis en la N-on 10. Dogler sidis ĉe la fenestro kaj skrapis la glacion de sur la vitro. Je ilia alveno li eĉ ne turnis sin. Doŝky iris al li kaj ektuŝis lian ŝultron.

— Dogler! Dogler!

Dogler levis la kapon, rigardis lin dum momento kaj poste, turninte sin, daŭrigis la skrapadon. Trankvile, sen ia ekscito li skrapis la glacion. Johano haltis antaŭ li kun la infano sur la brako kaj severtone alparolis lin.

— Dogler! Vere konsternis nin ĉiujn tiu freneza duelo, je kiu vi devigis tiun malfeliĉan junulon. Dogler! Ĉu vi povos trovi motivon, akcepteblan senkulpigon antaŭ liaj gepatroj, se li mortos? Dogler?! Ĉu vi ne respondas?

Dogler turnis sin al Johano. Ia stranga fremdeco brilis en liaj okuloj. Li etendis senvorte la manon al la infano. Jam ĉiuj staris ĉirkaŭ li, atendante ian klarigon, sed liaj lipoj senvoĉe moviĝetis. Eĉ unu vorton li ne kapablis diri, nur montris al la infano.

Doŝky terurite ĉirkaŭbrakis lin.

— Dogler! Kara amiko, kio estas al vi? Mia kara amiko!

Dogler post videbla longa penado ekbalbutis.

— Kial mi pensis lin mortinta? Diru, kial?



VAN GOGH: FIGUROJ SUR NEĜO

# LA MORTO DE L' PILOTO*

**JEAN BART****



Estis julia tago, varmo sufoka. Du varo-ŝipoj, alborditaj ĉe la malnova, ŝtona kajo, rostumis sub la suno siajn trunkegojn vestitajn per nigraj, feraj lamenegoj. Je tagmezo la flago de l' havenestrejo, lasita malsupre, montris, ke estas ripoza tempo. La portistoj ĉesis labori kaj, sterniĝinte sur la karbomontetoj, ili dormis, lacaj.

Ankaŭ la ŝarĝokorboj ripozis, malplenaj, renversitaj apude.

En la vico da kafejoj, ĉene sekvantaj unu la alian laŭlonge de l' kajo, oni estis en ombro, ĉirkaŭ la tabloj.

Unuj malplenigis sian glason da freŝiga siropo kaj aliaj filozofe sorbadis la kafon.

En la kafejo de l' pilotoj, kontraŭ la albordejo, Barba-Spiro, la plej maljuna piloto de l' haveno, sidis en ombro, en la buŝangulo kun cigaringo farita el tibio kaj malla-boreme li sekvis per la duonfermitaj okuloj la fumon forliberiĝantan en bluaj rondoj . . .

Tre maljuna estis *Barba-Spiro;* li memoris pri multo de antaŭ la konstruo de l' urbo.

De kiam nur kelkaj kabanoj el arbetaĵo estis sur la tutspaco de l' insulo kaj marĉoj unuparte kaj aliflanke la buŝo de l' Danubo ĝis la maro. Multe rakontis la paĉjo, sed ne ĉion.

Oni diris. ke en la nuna loko de l' haveno *Sulina,* antaŭ ne longe estis nesto de piratoj kiuj prirabis la ŝipojn venintajn al la buŝoj danubaj.

Kaj oni nur jene klarigis la devenon de la havaĵoj de kelkaj maljunuloj en la haveno.

Sed *Barba-Spiro* ŝatis bone vivi kaj li ne posedis ŝparitan monon.

De du jaroj li estis pensiulo: la kuracistoj konsilis al li ĉesigi la metion. Estis jam tempo, li kormalsanis.

La maltrankvila vivo de la pilotoj, zorgoj dum la kondukado de l' ŝarĝitaj ŝipoj, atento ĉiam streĉita, oftaj emocioj kaj reŭmatismo devigas la plimulton ĉesigi la metion kaduke kaj kormalsane.

Kvankam li regule ricevis la pension, la maljunulo ne povis dekutimiĝi de la vivo junaĝa.

De matenfruo, kiam la vivo vekiĝetis en la haveno, li estis surpiede. Kaj li ekiris malrapide laŭlonge de l' kajo, kun dorso kurba, klinitaj genuoj, cigaredo en la buŝangulo.

Li haltis ĉe ĉiu ŝipo, rigardis ĝin longe, esplore, kaj li pluiris, daŭrigante la inspektadon.

En la haveno nenia moveto restis nerimarkita de li.

Sidante kelkfoje ĉe tablo kafeja, jen, li leviĝis, li levis la manon ŝirme al la okuloj kaj rigardis longe, fikse al la marovasto.

Se aperis nigra punkto sur la blanketa fundo de l' horizonto, li ne deprenis siajn okulojn ĝis kiam tiu punkto videblis bone, en regulaj formoj, montrante la maston kaj kamentubon.

La akra, ripetata fajfo de iu ŝipo manovranta en la haveno, ekmovis lin.

Li malrapide leviĝis de sia loko. iris al la rando de l' kajo kaj kun mieno de severa ekzamenanto li observis la manovron de l' ŝipo en la plej etaj detaloj.

Kelkfoje li nervoziĝis, li metis la manon al la ripoj por trankviligi la rapidajn korbatojn: al li io ŝajnis ne bona; li kunpremis la pugnon kaj murmure blasfemis.

Kiam la manovro plaĉis al li, lia vizaĝo sereniĝis kaj li laŭtvoĉe kriis: „Bravo kapitano, bravo!" . . .

Li vivis el la vivo de l' haveno, li partoprenis kun tuta korfajro ĝian movadon.

Ŝajne ankaŭ la irado de l' ŝipoj kaj la ritma albato de l' ondoj, la tuta movado havena sekvis saman takton kun liaj korbatoj.

Kaj nur malfrue, vesperkomence, kiam poluriĝis la kanopintaro kaj estingiĝis la fajreruĝa suno, droninte en la fundo de l' akvo, la maljunulo ekiris malrapide, kun mezuritaj paŝoj, al sia hejmo.

Kaj iafoje, en la noktmeza kvieto, kiam la tuta haveno dormis lace kaj aŭdeblis nur la ritma plaŭdo de l' ondoj batiĝantaj al la kajo, la maljunulo laŭiradis la malnovan ŝtondigon kiu similis al serpentego sin trenanta en la maron, ĉe l' kapo kun ruĝa lumturo-okulo.

De du tagoj *Barba-Spiro* sentis sin tute malforta; lin sufokadis seka tuso.

Tio ne malhelpis lin resti ĉiam sur sia posteno.

Silente, kiel apud malnova kaj kara amiko, komprenante unu la alian, li sidis surborde, sorĉite de la voĉoj de l' ondoj same aŭskultataj de tiom da jarlongoj.

Ame li sekvis la ondojn kiuj glitis malproksimen pelate de la suno, lasante blanketan strion en la blua senlimo de l' maro.

Dolĉa bloveto de freŝiga vento ekblovis de la vasto; la maljunulo levis malrapide la ĉapon, direktante la okulojn al la fora fundo de l' horizonto.

Blanka makuleto aperis sur la vidlimo kaj ĝi kreskis en la sunbrilo ĉiam pli granda.

Estis velŝipo kun veloj streĉitaj, proksimiĝanta al la haveno.

La maljunulo malrapide trapasis per la mano la blankan hararon, kie la vento ludis petole.

A . . . de kiom longe li interkonatiĝis kun tiu-ĉi vento, kiom bone li konis ĝiajn trompemajn ecojn!

Kiomfoje li atendis ĝin kiel bonamikon je helpo, kiam ĝi streĉis la velojn, revivigis la ŝipon tranĉe pluglitantan tra l' ondoj, simile al birdo dum flugo kun disaj flugiloj.

* El la kolekto : „Jurnal de Bord".

** Pseŭdonimo. (Vera nomo : Eugeniu Botez).

## DU TRIOLETOJ

**KARLIS KRUHZA**

### PEZA DOLORO

*Al kiu diri la doloron,*
*Repremi se ne eblas plu*
*Ĝin en la suferantan koron ?*
*Al kiu diri la doloron ?*
*Jam perdis ŝtupoj la valoron :*
*Al ĝojo min ne portas plu . . .*
*Al kiu diri la doloron,*
*Suferi se ne eblas plu ? . . .*

### SALUTO

*Hodiaŭ kiu vin salutos ?*
*Ho, kiu, kun espero hela,*
*Malfermos pordon kaj ekmutos ?*
*Hodiaŭ kiu vin salutos ?*
*Ĉu por vi vento ekbalbutos,*
*Kaj vin per floroj superŝutos ?*
*Hodiaŭ kiu vin salutos,*
*Malfermos pordon kaj ekmutos ?*

El la latva : *R. Eichenbaums*

Kaj kiomfoje li malbenis ĝin elprovantan liajn fortojn, furioze sin ĵetintan sur la ŝipon.

La velŝipo tre alproksimiĝis: eniris la trankvilan akvon de l' kanalo.

Estis granda, bela velulo, kun tri mastoj.

La paĉjo ame rigardis kiel ĝi proksimiĝas, fiere kun ĉiuj veloj etenditaj, tranĉetante la akvon, kiu kun ritma plaŭdo ruliĝis al kaj for ĉe la rondaj ŝiporipoj.

Tri akraj fajfoj vekis lin. Li turnis sian kapon: estis tirŝipo.

Samtempe forta fajfo sonis longe kaj la trunkego de ŝarĝita plenrapide alvenanta ŝraubŝipo montriĝis ĉe la kubuto de l' kanalo.

La paĉjo leviĝis de sia loko, proksimiĝante al la bordo.

La ŝraŭbŝipo malfalice povis malrapidigi la iron, ĝi devis singarde fari lokon al la tirŝipo kaj velŝipo venanta ĉiam pli antaŭen kun streĉita velaro: nun li povis observi komplikitan manovron, tio lin pasie interesis.

La tirŝipo denove ripetas tri akrajn fajfojn; la ŝraŭbŝipo, sin gardante, por lasi lokon al ĝi, venas ĝuste kontraŭ la velŝipo.

Nun sonegas fajfo plenforta, malespera.

La amaso sur la kajo rigardas kun teruro; ĉiuj okuloj direktiĝas al la du ŝipoj kunpuŝiĝontaj pro tempomanko por flankeniĝi.

La veterano, sekvanta ĉiun movon sur la kajo, dentogrincas kaj: *„pasto diavolo"* eliĝas inter la lipoj; la piloto de l' ŝraŭbulo erare manovris.

Kaj li rigardis fikse, kun okuloj eksterkavaj, mordetante siajn lipojn, per la mano trankviligante la febrajn batojn de l' koro: li atendis . . .

En momento, kvazaŭ sorĉe, ĉiuj veloj falis lasitaj, senesperaj ordonoj aŭdiĝis kaj la ŝipoj alvenis unu kontraŭ la alia. Al la maljunulo marmoriĝinta, reteninta eĉ la spiron, malklariĝis la okuloj, moliĝis la genuoj; li subite etendis la manon por serĉi apogon, sed li kunplektiĝis kaj falis bulosimile, senkonscie . . .

Kaj la ŝipoj ne kunpuŝiĝis, trankville ili pasis unu preter la alia, sen altuŝo.

Oni are alkuris la kurban, sekan korpon kuŝantan senvive surkaje.

. . . Kaj de la marvasto alkuris ankaŭ la vento, farante por si lokon tra la amaso, kaj kiel malnova kaj bona amiko, kun milda bloveto ĝi karesis lian frunton, hirtigante liajn buklojn kaj blankan barbon . . .

El la rumana: *Tiberio Morariu.*

Unu el la plej interesaj personoj de la nova rumana literaturo estas Jean Bart.

Li naskiĝis en 1874, en Burdujeni (Rum., dep. Botoŝani), pasigante sian junaĝon en Jaŝi, kie lin instruis Jon Creanga, la granda rumana popol-rakontisto.

Vojaĝema kaj esplorema lokojn nekonatajn, Jean Bart elektis la maristan karieron, vagante kiel marista oficiro tra Grekio, Egipto, Sirio, Anatolio, Italio, Algerio, Nederlando, Skandinavio, Anglio kaj Usono.

Jean Bart publikigis ĝis nun plurajn volumojn: Borda Memorlibro (Jurnal de Bord), Devoj Forgesitaj (Datorii Uitate), Homaj Dokumentoj (Dokumente Omenesti), Princino Binjo (Princesa Bibita), Danuba Milito (Razboiul pe Dunare) k. a.

Kiel maristo, li trovis mirindan fonton inspiran en la vivo de tiuj, kiuj sin dediĉas korpe-anime al la maro. Liaj rakontoj legindas ankaŭ pro la simpleca rakontmaniero.

Jean Bart estas membro de l' Akademio Rumana.

---

# PELIKANO

**PAVILS ROZITS**

Mara ŝipestro Janis Krums estis grandstatura kiel Goliato kaj forta kiel Samsono. Sed liaj movoj estis pezaj kaj urse mallertaj. En la havena urbo, kie Krums havis propran loĝejon, kaj kien li alvenis kvarfoje en la jaro, ĉiuj lin nomis pelikano. Kaj efektive, surtere Krums estis vera pelikano — peze mallerta kaj urse balanciĝanta. Tio okazis ne nur pro tio, ke Krums estis grandkreska, sed li, pasiginte sian tutan vivon sur balanciĝanta ŝipo, ne povis alkutimiĝi, ke la tero kun stratoj sur ĝi, ne balanciĝas. Tial Krums, kiu dum tuta sia vivo balanciĝadis surŝipe, same faris ankaŭ sur la tero. Kaj ŝajnis, ke irante laŭstrate Krums dezirus ekmovi la fundamenton de l'tero kaj ekturni la tutan urbon. Sed la tero ja ne estis maro kaj la urbo ne estis ŝipo, kiu obeas la akre sonantan voĉon de l' ŝipestro. Kaj tial la homoj de l'havenurbo eknomis tiun ĉi maran leonon pelikano, ĉar ankaŭ tiu ĉi birdo surtere estas kompatinde mallerta kaj malvigla.

La kurson de marista lernejo Krums finis en Riga kaj en Riga li edziĝis. Sed tuj post la edziĝofesto Krums estis forveturinta kaj reveninte post kvin monatoj, trovis sian junan edzinon en ĉirkaŭprenoj de iu tera birdo. Tio terure kolerigis Krums'on, des pli, ke en lia naturo tiam estis ankoraŭ multege da sentimentale-naiva romantikeco, kaj dum tiuj ĉi monatoj li estis multe pensinta pri sia juna edzino, kiun li vere amis, ĉiel imagante la ĝojon de l' revidiĝo. Sed nun li estis simple batinta sian edzinon kaj ŝian amaton kaj elĵetinte ilin ambaŭ surstraten, restis dum la tuta nokto en la loĝejo, trinkante la kunprenitajn vinojn kaj likvorojn. Krums havis bonegan pugnon, kaj kiu ĝin estis ĝuinta, tiu perdis ne nur ĉiun ĝojon je amo, sed ankaŭ la vivo estis al li teda dum kelka tempo. En tiu nokto, en la loĝejo de sia forpelita edzino, Krums venis al konkludo, ke por maristo ne valoras edziĝi, kaj li devas trovi edzinon en ĉiu havenurbo.

La postan matenon Krums revenis sur sian ŝipon, lasinte en la loĝejo de la edzino la eltrinkitajn kaj alportitajn donacojn. Surŝipe li aranĝis pompan festenon kaj drinkinte kune kun la ŝipanoj de sia ŝipo, li bone interbatiĝis kun ili je mateno.

De tiu tempo Krums tute aliiĝis kaj fariĝis vera maristo ne nur de ekstere, sed ankoraŭ pli en sia animo. Li ekamis la maron kaj maristan vivon kaj en li por ĉiam estingiĝis sopiro de kvieta vivo surborda. Li ege ekŝatis la kriegantajn oceanajn ventegojn, kiam la ferpartoj de lia ŝipo tremis kaj la motoroj ĝemblekis kiel hundoj. Kaj kiam ĉiuj surŝipaj homoj time preĝis Dion, tiam Krums estis inter ili, kvankam lia preĝo sonis, kiel la plej senhonta blasfemo, ĉar vera maristo eĉ Dion ne povas alvoki sen elkora insultado de tempo al tempo.

Sed kiam Krums enhaveniĝis kaj eliris surborden, li serĉis maristajn drinkejojn aŭ tiel nomatajn „drinkejojn de l' mondo", drinkis kaj kriadis tie ĝismatene, kunigintte tie ĉirkaŭ si amasojn da malĉastaj virinoj kaj ordonante al ili jen akre, jen raŭke elkrii senhontajn vortojn de l' kantoj, kiujn li mem kantadis.

Tiel Krums vivis en la drinkejo de l' mondo kaj neniu povis ekpensi, ke tiu granda kaj forta maristo, kiu vivis kune kun malĉastaj virinoj, iam povis ankaŭ vere kaj kore ami. Sed surŝipe, kiam li dum ventego luktis kun la buŝegoj de l' ondoj kaj evitadis la malfermitan faŭkon de l'morto, Krums estis lerta kaj moviĝema, kvazaŭ renaskiĝinta. Li estis unu el la plej malvarmsangaj kaj senzorgemaj inter siaj kunlaborantoj. Ŝipanojn, kiuj dum ventego ne deziris rampi sur maston, timante fali en la maron, Krums ofte kaptis ĉe kolumo kaj tenis super la rando de l' ŝipo, minacante ĵeti en maron, se oni lin ne obeos. Tio helpis kaj surmare ĉiuj ŝipanoj antaŭ Krums tremis. Sed Krums ne nur timigis, iufoje li ankaŭ plenumis siajn minacojn. Foje surmare jam dum kelkaj tagoj furiozis terura ventego. La ŝipo estis ĵetata sur la ondoj kvazaŭ splito kaj la pli timemaj ŝipanoj estis jam signintaj sin per signo de morto. Inter ili estis ankaŭ la heipanto de l' ŝipa kuiristo, kiu estis perdinta ĉiujn

esperojn je savo. En tia ebriiĝo de l' morto li plene senprudentiĝis kaj ne konsciis kion li faras. La kuiristo jam kelkajn tagojn kuŝis malsana en sia kajuto kaj estis ligita al benko per rimenoj, por ke li ne elfalu, kaj la manĝajojn por la ŝipanoj devis prepari la helpanto sola. La helpanto estis metinta ĉiujn kaserolojn sur fajrujon kaj alliginta ilin per ŝnuroj, por ke dum la balanciĝado de l' ŝipo la kuirajo ne estu elverŝata. Sed li forgesis ilin observi, pro kio la ŝnuroj malligiĝis. Kiam venis tempo por tagmanĝi kaj ĉiuj malsatiĝintaj ŝipanoj kriis je manĝajo, klariĝis, ke ĝi estas en la kuirejo surplanke kaj jetiĝas jen kontraŭ sojlo, jen al la fajrujo, obeante al la kliniĝoj de l' ŝipo. Dume la helpanto de l' kuiristo sidis sur la ferdeko kaj pensis pri morto, kiu ŝajnis al li neeviteble proksima. Tion vidis ankaŭ Krums kaj tiel ekkoleris, ke per unu eksalto li estis apud la kuiristhelpanto, kaptis lin kaj ĵetis trans la ŝipa bordo maren.

„Tion mi faros kun ĉiu, kiu dum tiu ĉi ventego fariĝos virinaĉo kaj forgesos sian devon . . . !" — kriis Krums, svingante minace siajn dikajn pugnojn en la aero.

Sed komenciĝis la mondmilito kaj Krums kune kun siaj ŝipanoj estis internigita en malgranda havena urbeto. La ŝipon oni de li forprenis, kaj oni plu ne permesis al Krums ĝin suriri. Li nun loĝis en malgranda ligna dometo apud la haveno kaj kun stranga doloro rigardis la ŝipojn kiuj estis malvarmaj kaj kies fumtuboj plu ne ĵetadis en la aeron gajajn odojn de fumo. Iliaj fajfiloj plu ne kriegis kaj ili kvazaŭ terurantaj fantomoj ŝiradis la ĉenojn de siaj ankroj kaj vane provis deŝiriĝi por forkuri sur la maron, kie kriegas la ventegoj kaj la vivo estas plena de teruro.

La ceteraj ŝipanoj jam estis disirintaj kaj trovis laboron en diversaj surteraj entreprenoj. Nur Krums ne serĉis laboren kaj timis foriri malproksime de la marbordo. La urbeto ne estis granda, sed Krums neniam ankoraŭ iris ĝis la alia fino, ĉar li havis profundan timon foriri tiom malpoksimen, ke rigardante malantaŭen oni ne povas vidi la maron. Li dum tagoj sidis surborde kaj sendis siajn de mara nebulo plenajn rigardojn en malproksimon trans la blue verda akvaro. En kvietaj senventaj tagoj ankaŭ Krums estis kvieta kaj sidis en sia ĉambro, malofte alpaŝante la fenestron, kvazaŭ por konvinkiĝi ĉu lia mortinta ŝipo ankoraŭ staras kaj ĉu la ankra ĉeno ĝin ankoraŭ tenas. Sed dum ventegaj tagoj Krums vagadis laŭ la bordo kaj ne forlasis per siaj de timo larĝigitaj okuloj sian ŝipon, kiu nun estis kvazaŭ viva kaj ŝiradis sian bruegantan ankran ĉenon. Tiam Krums tremis pro sia ŝipo, ke ĝi ne forkuru maren sola kaj ne restigu lin por ĉiam sur tiu de morta dormo plena bordo. Sed dum ventegaj noktoj Krums malfermis sian fenestron kontraŭ la maro kaj dum la tuta nokto aŭskultadis la senĉesan bruegadon de ankraj ĉenoj. Tio estis stranga amo, kiu prenis de li nokte la dormon kaj tage ordonis en senĉesa rapido kuretadi laŭ la bordo.

Foriris jam la dua somero kaj alvenis denove la venta aŭtuno. Krums estis ree kvazaŭ perdinta la kapon, ĉar nun li estis jam pli ol unu jaron sidinta surborde kaj observinta sian ŝipon nur de malproksime. La staturo de Krums estis kurbiĝinta kaj en la manoj jam plu ne estis tiu forto, kiu kaptis viron ĉe kolumo kaj tenis trans la ŝipobordo. ,

Iun pluvan kaj ventegan tagon Krums kalkulis siajn lastajn monerojn kaj, la unuan fojon sur ĉi tiu bordo, iris serĉi maristan drinkejon por plifaciligi sian koron. Dum la tuta tago li sidis en la diboĉejo kaj drinkadis same, kiel dum la tempo de sia marveturado, kiam lia ŝipo ankoraŭ ne estis fariĝinta tiel fantoma. Ĉe la tablo de Krums sidis ankaŭ knabino de ĝojo kaj li tintigis kun ŝi siajn pokalojn iufoje dirante: „Nunnokte aŭ neniam!" kaj la knabino de ĝojo malĉaste ridetante gaje al li respondis.

„Nunnokte kaj poste ĉiam!" kaj ili ĝoje malplenigis la pokalojn, plenigis ree kaj ŝajnis kompreni unu la alian.

Sed vespere kiam noktiĝis kaj la ventego kriegis ankoraŭ pli timige, Krums pagis la elspezojn de la tago, la restintajn monerojn premis en la manon de la knabino de ĝojo kaj mem silente eliris surstraten. Li iris rapidante al la haveno, kie la malsekiĝintaj de l' pluvo gardistoj estis ekdormintaj kaj li ĵetis sin en la akvon. Ondoj bruis ĉirkaŭ lia kapo kaj dolĉa konscio de forto kuris tra liaj membroj. Jam tute proksime Krums aŭdis la konatan bruadon de la ankra ĉeno de sia ŝipo kaj de ĝojo li volis krii tiel, ke ĉiuj dormantaj motoroj de la ŝipo komencu brui kaj la fajfiloj ekkriegu tiel gaje, ke eĉ la ventego haltas. Sed li jam estis apud sia ŝipo, kiu de ventego ŝiriĝis kaj tremis kvazaŭ efektive ĝi travivus sian lastan nokton. Ankoraŭ paro da momentoj kaj Krums jam estis sur sia fantoma ŝipo, kie dum la tuta somero loĝadis nur birdoj. Li kuris al la maŝinejo por ekbruigi la motorojn, sed ĝi estis ŝlosita. Ŝlositaj estis ankaŭ la aliaj ejoj de l' ŝipo. Sed tio ne ĉagrenis Krumson, ĉar li denove estis maristo kaj sur sia propra ŝipo. Tiam venis kelkaj fortegaj ekblovoj de l' vento kaj io ekkrakis. Rompiĝis la ankra ĉeno kaj Krums kune kun sia fantoma ŝipo ondorapide ekiris maren. Al li ŝajnis ke la motoroj laboras plenforte kaj li ankoraŭ kriis al la maŝinisto :

„Plenforte !"

La ŝipo fariĝis kvazaŭ flugilhava kaj Krums de ĝojo estis kvazaŭ freneza. Li kuradis kaj ordonis al la neekzistantaj ŝipanoj kaj ŝajnis al li, ke la ordonoj estas ja granda rapido plenumataj. En la koro de Krums eksonis malkvieto de ĉiuj maroj kaj li denove estis vera maristo, kiu povis samtempe blasfemi kaj preĝi Dion. En lia koro nun reviviĝis ĉiuj drinkejoj de l' mondo kaj, kvazaŭ ĥoro de anĝeloj, ĉirkaŭ li kriis akrevoĉe la ebriaj knabinoj de ĝojo.

En tiu momento sub la ŝipo okazis infera eksplodo kaj tio estis naĝanta mino. La ventego ĝemegis kaj la ŝipo komencis rapide subakviĝi, sed Krums tion nek aŭdis, nek vidis. Li, kun rigardo larĝigita de terura ĝojego, staris, triumfis kaj kriis al la maŝinisto :

„Plenforte, plenforte !"

El la latva : *E. Jaunvalks*



VAN GOGH: DORMOĈAMBRO EN ARLES

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: VINCENT VAN GOGH KAJ LIAJ LETERÓJ

„La arto ne estas plezurvojaĝo, sed batalo, konsumanta muelejo."
*J. F. Millet*



ia vivo estis luktoplena. Li travivis ĉiujn mizerojn de l' vivo kaj ĉiujn dolorojn de l' kreo. La ĉiutaga batalo por la pano kaj la ĉiutaga penego por la arto: ĉi tiu duobla mizero konsumis lian vivon kaj la frua morto forportis lin antaŭ la plena manifestiĝo de lia animo.

*

Komence li volis esti artajvendisto. Tri liaj onkloj havis ĉi tiun profesion. En la jaro 1869, en sia deksesa jaro, li venis en la artaĵvendejon de sia onklo en *Haag*. Poste li vojaĝis Londonon. En Anglujo li interrilatiĝis kun metodistaj rondoj. De tie li skribis al sia frato, Théodore, en 1876: *„Mi sentas en ĉi tiuj tagoj, kvazaŭ jam ne estus en la mondo alia destino, ol tiu de la magistro kaj predikanto"*. Tiam li opiniis trovi sian vivcelon. En *Amsterdam* li studis teologion kaj en *Bruxelles* vizitis misiistan lernejon. Kiel misiisto li pasigis pli longan tempon en la minregiono de *Borinage*. Liaj leteroj tiam senditaj el Théo jam sentigas, ke jam estas proksima, kvankam malfrue, lia vekiĝo je sia artista destino. En la maturiĝo de lia decido estis grava le medio. La vivo de l' ministoj tre impresis lin. Ilia ĉiutaga penego tuŝis en li komence nur 1872. Liaj leteroj — adresitaj ankaŭ al aliaj personoj — estas interesaj dokumentoj de lia vivo kaj ili donas fidelan spegulbildon ankaŭ pri liaj artaj klopodoj.

Lia korespondado kun sia plijuna frato Théo, ekiris en 1872. Liaj leteroj — adresitaj ankau al aliaj personoj — estas interesaj dokumentoj de lia vivo kaj ili donas fidelan spegulbildon ankau pri liaj artaj klopodoj.

La senpera viv- kaj naturrigardo gvidis lin. Pri lia percepto jen estas karakteriza parto el lia letero, sendita el Haag en 1882: *Nun mi skribas pri la skizo — mi pretigis ĝin sur la Geest, en polvonubo, kie mi staris en koto, en bruego kaj tumulto kaj mi sendas ĝin al vi, ĉar mi volas montri, ke, laŭ la vivo freŝe mi perceptas la aferojn"*. La skizo figuris fosantajn laboristojn. Lin interesis la plej diversaj kaj simplaj temoj: *„Vagadi en laborejoj, vojoj kaj stratoj, domoj, staciejoj, eĉ drinkejoj ne estas agrabla destino, escepte se oni estas artisto"*. Li surmetis eluzitajn vestojn: *„se mi havas belan jakon, la laboristoj, kiujn mi bezonas kiel modelojn, estas timemaj kaj suspektemaj rilate min, aŭ ili pretendas multe da mono"*. Ankaŭ li mem similiĝis al la laboristoj: *„Mi, kiu ne sentis min bone en mia sufiĉe bona jako en delikata vendejo kaj kiu ĝuste nun jam tute ne sentus min bone tie kaj eble enuus kaj tediĝus, mi estas tute alia homo, se mi okupiĝas pri mia laboraĵo ie, sur la Geest, sur la kamparo aŭ inter la dunoj. Mia malbelega vizaĝo kaj vetertaŭzita jako tiam plene konvenas al la medio, mi trovas min kaj laboras ĝoje."*

Nun sekvis interesa epizodo de lia vivo, en kiu la misiisto denove montris sin: *„Dum la vintro mi renkontis gravedan virinon, kiun forlasis la viro, kies infanon ŝi portis sub sia koro. Graveda virino, kiu dum vintra pluvo vagadis la straton kaj devis serĉi panon. Vi scias kiel."* Li prenis la virinon al si kun ŝiaj infanoj, ne timante ke Théo, lia sola helpanto kaj mecenato, forprenos la kutimajn monsendaĵojn. Li flegis kaj prizorgis la morale falintan virinon, ne pensante pri la sociaj konvenaĵoj. Amo ne estis inter ili. Nur la kompato ligis lin al ŝi. *„Mi ne povis agi alie"*: en ĉi tiuj vortoj enestas la tuta varmo de lia koro. *„Neniu donis ion por ŝi aŭ pro ŝiaj turmentoj, ŝi estis sola kaj forlasita kiel forĵetita ĉifono, sed mi levis ŝin kaj donis al ŝi la tutan amon, delikatecon, prizorgemon, kiu estis en mi."* En la letero li petas sian fraton, ke li ne forprenu la helpon. Kaj tio ankaŭ ne okazis.

Li fervore laboris. Sed li ne sukcesis vendi la bildojn, ĉar lia vivmaniero malhelpis lin. Dum sia tuta vivo li ne povis malhavi la materialan helpon de sia frato. Pro devigaj cirkonstancoj li disiĝis — kvankam ne facile — de la virino. Li iris en vilaĝon *Drenthe* kaj de proksime rigardis la vivon de l'kamparanoj. En lia animo nun sekvis trankviliĝo. Li ofte dronis en priartaj meditoj. *Millet* profunde impresis lin. La gravecon de *Manet* kaj de la impresionistoj li rekonis nur poste.

En la jaro 1885 li sciigis lian fraton pri la bildo *„Terpommanĝantoj"*. Grandparte laŭmemore li pentris ĝin. La *manoj* ĉefe estis gravaj por li: *„Ne malgrandan fortostreĉon mi faris por tia maniero de pentro kiu vekas la penson, ke tiuj bonaj homoj, kiuj manĝas siajn terpomojn tie apud sia lampeto, per siaj manoj, kiujn ili prenmetas en la pladon, ili mem kulturis la teron. La bildo temas do pri manlaboro kaj pri tio, ke sian manĝaĵon ili honeste elmeritis. Mi volis, ke ĝi memorigu pri tute alia vivo, ol la nia, tiu de la kleraj homoj. Mi tute ne dezirus, ke ĉiu tuj trovu ĝin bona kaj bela."* Li atingis novan vidpunkton de l'belo, kiu estis jam trans la Millet'aj idealoj. Jam mankis el ĝi la poezia koncepto de la *Barbizon* -a majstro. *„Kamparanojn ni devas pentri tiel, ke ankaŭ ni apartenas al ili"* — diris van Gogh — kaj li pentris ilin laŭ *„ilia krudeco"* sen la *„konvencia afableco"*. Laŭ efiko ili estas enkorpiĝintaj tipoj de Zola. *„Pentri la vivon de l'kamparanoj estas serioza decido kaj mi farus al mi riproĉojn, se mi ne klopodus pentri bildojn, kiuj donas seriozan materialon por la penso de tiuj, kiuj serioze pensadas pri la arto kaj vivo"*.

En 1886 li iris Parizon, al sia frato, kiu estis tie artajvendisto. Ĉi tie li interkonatiĝis kun la *impresionistaj* pentristoj. La nova vido tre efikis lin, sed ne decidige. Poste li vojaĝis al *Provence* kaj loksidiĝis en la malnova urbo *Arles*. Nun sekvis la plej fruktodona periodo de lia vivo. Ĉi tie li volis fondi kolonion de parenc-individuaj pentristoj, sed li sukcesis atingi nur, ke Gauguin transloĝiĝis al li.

La kolorharmonioj de lia animo sub la brila suno de l' Sudo silentigis liajn socialajn kontemplaciojn. En li eklumis mirindaj kolorsonĝoj, kiujn li serĉis jam norde. Li serĉis la *„sugestivan koloron"*. Lin obsedis grandega kreo-febro, en kiu li ofte laboris kvazaŭ en senkonscia stato: *„Estas momentoj, kiam min ekkaptas konsterna vizia forto. Kiam la naturo estas tiel bela, kiel en ĉi tiuj tagoj, tiam mi ne sentas min mem kaj la pentraĵo kreiĝas kvazaŭ en sonĝo."* Li laboris ĝis la plenlaciĝo kaj tre rapide. Li pentris ĉion: la stratojn de Arles, la noktajn kafejojn, la kamparanojn sinbanantajn en bruliga sunbrilo, ĝardenojn kun grandaj heliotropoj, — liaj ŝatataj kaj ofte pripentritaj floroj — vetertaŭzitajn olearbojn. Kvazaŭ li verŝis la bilbojn, lin ne povis malhelpi eĉ plej furioza mistralo.

La impresionismo iĝis por li nur epizodo. Ĝi estis nur konsekvenco de lia nederlanda labormaniero, sed ne la fina stacio. Lia vizia forto transpaŝis la esprimlimojn de l' impresionismo kaj, forlasante ties objektivan naturrigardon, li venis al nova percepto de l' aperaĵoj, en kiu li montriĝas kiel romantikulo. En liaj bildoj la naturo ricevas simbolan sencon, kiun sentigas ankaŭ ĉi tiuj liaj vortoj: *„Nun mi havas trian pejzaĝbildon, kun fabrikejo kaj grandega suno, pendanta super la ruĝaj tegmentoj kaj sur la ruĝa ĉielo. Kvazaŭ la naturo furiozus pro la malbelega mistrala tago."*

Dum la kristnasko de l' jaro 1888 la peniko falis el liaj manoj. La signoj de l' *frenezo* montriĝis sur li. Lia amiko, *Gauguin* jene rakontas la katastrofon: „Dum vesperiĝo mi pretigis mian vespermanĝon kaj mi sentis la neceson promeni sola en la odoro de l' florantaj laŭrujoj. Mi estis preskaŭ transpaŝinta la placon Victor Hugo, kiam mi aŭdis malantaŭe bone konatajn, malpezajn kaj rapidajn paŝojn. Ĝuste en tiu momento mi rigardis malantaŭen, kiam Vincent kuregis al mi kun *malfermita razilo*. Ĉi momente la forto de mia rigardo devis esti tre granda, ĉar li haltis kaj hejmenkuris kun klinita kapo."

Gauguin ne havis kuraĝon por iri hejmen. Li pasigis la nokton en gastejo. La postan tagon matene li trovis grandan tumulton antaŭ sia komuna loĝejo, kaj ĝendarmojn. „Jena afero okazis: van Gogh iris hejmen, kaj elradike *detranĉis sian orelon*. Nur post longa tempo li sukcesis ĉesigi la grandan sangadon, ĉar la postan tagon la planko estis plena de akvitaj vestaĵoj. La sango malpurigis la du ĉambrojn kaj la ŝtuparon al nia dormejo.

Kiam li povis denove eliri, li metis sur sian kapon *baskan* ĉapon kaj iris rekte en domon, kie povas interkonatiĝi ankaŭ kiu ne havas amatinon kaj sian bele purigitan orelon li transdonis en kovrilo al la gvidanto de l' domo. „Je mia memoro" — diris li, poste foriris hejmen, enlitiĝis kaj dormiĝis. Baldaŭ vigliĝis la la strato de l'publikulinoj kaj ili priskutis la grandan okazaĵon."

Oni portis lin en la malsanulejon de Arles. Siajn lastajn tagojn li pasigis en la kuracinstitutoj de Saint-Remi kaj Auvers sur-Oise. En silentaj horoj li ofte prenis la penikon kaj kreis novajn, mirindajn bildojn. Liaj religiaj kontemplacioj revenis. Pri sia malsano li estis certa kaj klare informis sian fraton pri ĉio. Lin okupis grandaj planoj, — sed liaj turmentoj iĝis jam netolereblaj. Li estingis sian vivon per revolvero la 20-an de julio 1890, en sia 37-a jaro.

# OBSERVO

MEMPORTRETO DE CERVANTES.

*Antaŭparolo al liaj romanoj.*



Mi volus, se tio estus ebla, (leganto plej amata), ne daŭrigi ĉi tiun prologon, ĉar per tiu, kiun mi metis al mia Don Kiĥoto, mi ne sukcesis tiel bone, ke restus al mi emo fari alian. La kulpon pri ĝi havas iu el miaj multaj amikoj, kiujn mi dum mia vivofluo gajnis pli per miaj cirkonstancoj ol per mia talento: tiu amiko povus bone, laŭ uzo kaj kutimo, gravuri kaj skulpti min sur la unuan folion de ĉi tiu libro, ĉar donus al li mian portreton la fama Don Juan de Jáuregui,* kaj tiel estus kontentigitaj mia ambicio kaj la deziro de kelkaj, kiuj volus ekscii, kiajn vizaĝon kaj figuron havas tiu, kiu kuraĝas eniri kun tiom da elpensaĵoj en la mondan foiron, antaŭ la okulojn de la homoj. Sub la portreto povus teksti: Tiu, kiun ĉi tie vi vidas kun agla vizaĝo, kaŝtankoloraj haroj, glata kaj larĝa frunto, gajaj okuloj kaj korva, kvankam bonproporcia nazo, barbo kiel arĝento, antaŭ apenaŭ dudek jaroj ankoraŭ kiel oro, grandaj lipharoj, malgranda buŝo, dentoj ne ampleksaj, ĉar estas nur ses, kaj malbonkondiĉaj kaj eĉ pli malbone lokitaj, ĉar unuj ne korespondas al aliaj, staturo inter ambaŭ ekstremoj, nek alta, nek malalta, haŭtkoloro hela, pli blanka ol bruna; iom dorsklinita kaj ne tre facilpieda, tia estas, diras mi, la aspekto de l' aŭtoro de *Galatea* kaj *Don Kihoto de la Manĉa*, kaj de tiu kiu faris la vojaĝon al la Parnaso imite al Cezaro Caporal Perusini, kaj aŭtoro de aliaj verkoj ĉie disvastiĝantaj, kaj eble sen la nomo de ilia verkinto: li estas nomata komune *Miguel de Cervantes Saavedra***; li estis soldato multajn jarojn, kaj dum kvin kaj duono kaptito, kie li lernis pacienci en malfeliĉo; en la marbatalo de Lepanto li perdis la maldekstran manon pro arkebuza pafo, vundo, kiu, kvankam aspektanta malbele, por li estas bela tial, ke li akiris ĝin dum la plej memorinda kaj fama okazo, kiun vidis la pasintaj jarcentoj, kaj la venontaj vidi similan eĉ esperi ne povas. Li militis sub la venkaj flagoj de la filo de l'militfulmo, Karlo V. feliĉmemora: kaj kvankam tiu amiko, pri kiu mi plendas, nenion alian scius krom la diritaj, mi aldonus pri mi du dekduojn da atestoj, kaj dirus ilin al li sekrete, kaj tiel mi disvastigus mian nomon, kaj kreditigus mian spiriton; ĉar kredi ke similaj laŭdoj diras la ekzaktan veron, estas stulte, ĉar nek laudoj, nek mallaudoj enhavas precizecon kaj determinecon.

El la kastila: *J. B.* kaj *F. A.*

* Samtempa pentristo (pron. Ĥaŭregi). La supra bildo estas desegnita laŭ lia pentraĵo pri Cervantes.

** Pron. Migél de Servántes Saavédra.

KARLIS KRUHZA

Ĉiu nacio havas poeton, kiu staras kvazaŭ sola, sur aparta roko, en la diverskolora maro de talentoj. Ili fariĝas solaj pro servo al sola diino, al la Belo, en ŝia kulto ili apartigas sin de la diverstemaj kriemuloj, kriadantaj pri ĉiu sensencaĵo ĉiutaga. Ili konstruas por si apartan mondon, kie regas la sfera harmonio de la delikataj temoj kaj mirinde ellaborita formo.

Por la latvoj tia poeto estas *Karlis Kruhza*. Kiam liaj unuaj poemoj aperis, preskaŭ ĉiuj kritikistoj parolis pri li kun nekaŝita kompato. Kaj vere. Dum revolucia tempo, kiam bruo de bataloj plenigis la aeron, liaj trankvilaj mallaŭtaj versoj estis kvazaŭ infana flustrado. Sed tiu ĉi malŝata kompato ne praviĝis. Karlis Kruhza ne malaperis el la firmamento de la latva poezio, li restis tie kiel malgranda, trankvile brilanta stelo. Kaj nun, kiam la teruraj tempoj de batalo kaj malordo forpasis, la kritiko konfesas sian tiaman eraron. Nun, ĉiu lia nova verko estas akceptata kun vera admiro.

Karlis Kruhza prikantas malgrandan anguleton de la vivo: sian animon. Ĉio vidita, aŭdita impresas lin, la impresoj restas en lia animo kaj poste, iam, ili reekbrilas en lia poezio, kiel iomete naivaj rememoroj. Lia animo estas kvazaŭ prismo, kiu la kolektitan lumon transdonas transformita sur sia alia surfaco. La sigelo de lia animo estas sur ĉiu vorto. Plejparte ĉi tiuj impresoj estas malgrandaj bildetoj, al kiuj li aldonas nur kelkajn vortojn de propra prijuĝo. Ĉi tiu eta enhavo estas tro delikata por longaj poemoj kaj tro delikata por simplaj versoj. Tial Kruhza elektis la plej delikatan formon, la *trioleton*. Tiun ĉi formon, kiu postulas grandan lingvan kaj versan lertecon kaj perfektecon, Kruhza regas mirinde vigle. Li kvazaŭ ludas per la ripetaj vortoj, lia formkulto estas ne nur ekstera, virtuoza, ĉi tiuj poemoj estas trioletoj ankaŭ *interne*. Ilia milda temo, ĉarma sento, alloga formo jam almilitis legantojn kaj kritikon.

Malmulte li aperigas, sed tial ankaŭ nenion malperfektan.

*R. Eichenbaums.*

REĜO EL AERO

La praindiĝenoj de la brita insulo estis keltgentaj bretonoj, britoj. Ĉi tiujn, kelkajn centjarojn post Kristo, atakis la anglosaksoj, kaj inter la du popoloj estiĝis ekstermaj bataloj, kiuj kulminis ĉirkaŭ la jaro 500. Tiujn ĉi batalojn la plej malnova brita kronikisto, *Gildas* (mortinta en 512.) priskribas kun abunda detaleco.

Sescent jarojn poste, *Galfredus*, monaĥo en Kimrujo (mortinta en 1152, kiel arkidiakono de *Monmouth)* ege eklaboras kaj, en sia latina verkego deksesvoluma, kun nekredebla detaleco li priskribas la historion kaj faritajn agojn de reĝo *Artus*, onidira ĉeffiguro de tiuj sangaj bataloj antaŭ-sescent-jaraj. Bonvolu pripensi: *Gildas*, la samtempulo, ankoraŭ nenion scias pri ĉi tiu potenca reĝo, ankaŭ la anglaj historiistoj sekvintaj, la okacentjara *Beda Venerabilis*, kaj la naŭacentjara *Nennius* ne skribas eĉ unu litereton pri ĉi tiu honesta kaj honorinda, eĉ, tute never ŝajne justa regnestro, kaj tiam, subite, en la dekdua centjaro, venas tonsurita monaĥo, kaj lia plumo ne haltas, ĝis li, en deksep, volumoj, kunfabelis por si kaj kaj por siaj samtempuloj reĝon kun ĉiuj apartenaĵoj, malfidelan edzinon, ŝian ĉefkorteganon, la bravan Lancelot, ministrojn, ceremoniestron, batalojn. Ĉu estas do mirige, ke liaj sciencaj kaj ver-amaj samtempuloj, liaj monaĥkunuloj, honoris sinjoron Galfredus kiel ordinaran kaj senhontan mensogulon, kaj forstrekis lian libron el la listo de la serioze konsiderindaj kaj rekomendindaj libroj.

Sed havis Galfredus ankaŭ aliajn, senhontajn kaj mensogemajn samtempulojn. Ekzemple *Chrestien de Troyes*, aŭ *Hartmann von der Aue*. Ĉi tiuj migraj kantistoj, aŭ (laŭ *Scherer)* ĵurnalistoj, parazitis per tio, ke tiajn mensogajn, sed sufiĉe amuzajn historiojn ili portis de fortikaĵo al fortikaĵo de urbo al urbo. Nu, al ili ege ekplaĉis ĉi tiu reĝo el aero, kies ĉefa eco estis — en kontraŭo al ĉiuj tiutempaj reĝoj — ke la kulpon li malkovris, la kulpulon li punis, la suferanton li rekompencis, ĉiam juston li faris, en la plej konvena psikologia momento demetinte sian pseŭdoveston. Da, malgraŭ sia mensoga deveno, malgraŭ la maltrankviloj de sia edzino, li estis tre alloga figuro de reĝo.

La francan ministron *Guizot*, ĉirkaŭ 1840 — kiu scias kial? — tre maltrankviligis la afero de ĉi tiu reĝo, kaj li sendis oficiale la ministran oficiston *Theodore de la Villemarqué*, por ke li esploru la aferon. La brava ministra sekretario vere sukcesis trankviligi sian sendinton per la jena raporto:

— Fakto, ke en la komenco de la 6. centjaro vivis en *Wales* estro de malgranda tribo, nomata Arturo, kiu kuraĝe batalis kontraŭ la saksoj, sed kies sensignifan vivhistorion oni forgesis. Do, el ĉi tiu figuro fariĝis, Dio scias kial, tiu figuro brila, glorata tra tiom da centjaroj, per tiom da kantoj, romanoj kaj romancoj.

Per ĉi tiu trankviliga raporto la afero ŝajne estis aranĝita.

Sed la legendo montriĝis pli forta ol la raporto de la ministra sekretario. Arturo vivas ankaŭ de tiam, kaj li neniam mortos. Ĉefdiakono Galfredus spiris senmortecon en tiun ĉi figuron.

Kaj ĉi tiu reĝo, kiu estas farita nur el aero, kaj kiun tamen ne povis eluzi naŭ centjaroj, aperos ankaŭ por la esperantistoj en Ĝenevo. Ĉar li estas unu el la ĉeffiguroj de la bela verko *Ginevra*, de *Edmond Privat*, kiu estos tie prezentata. Kaj tiam oni denove konvinkiĝos, kiom da vivoforto ankoraŭ havas tiuj ekstreme fruktodonaj mensogoj de la bona Galfredus.

*lc.*

# BIBLIOGRAFIO

KARL MINOR

*Esperanto-Deutsches Handwörterbuch. Esp. Verlag Ellersiek kaj Borel. Berlin und Dresden.*

La vortaro, farita laŭ bona sistemo kaj entenanta abundan lingvomaterialon, estos certe ĝoje salutata de la germanlingvaj esperantistoj, kiel bone uzebla helplibro.

Sed nia nuna pritrakto temas precipe pri la enkonduka parto de la libro. Ĉi tiu parto enhavas kelkajn tre ĝustajn rimarkojn, ekzemple la rekomendon de la Zamenhofa uzo de *el* . . ., en la senco: *ĝisfine, tute, plene;* la proponon pri la pli ĝenerala prefiksa uzo de *sub*, en la senco: *sekrete, kontraŭleĝe, (subakiri, subvendi, subaĉeti). Enamiĝi en iun* estas rajte kondamnata de la aŭtoro (anst. *enamiĝi al iu),* tiel same, pli bone estas diri: *edziĝi al iu*, ol *edziĝi kun iu*. La uzo de la sufiksoj *iĝ* kaj *iĝ* estas tre bone kaj klare eksplikita.

Sed ĉe tre multaj punktoj oni sentas kvazaŭ trudon: alkrii al la legantoj averton! Averton kontraŭ la malĝusta kaj danĝera fundamento spirita, sur kiu sin bazas ĉi tiuj punktoj, tio estas la troadoro de logikeco kaj reguleco.

Lingvo ne estas matematiko, en lingvo ne ĉio estas difinebla per formuloj. Lingvo konstruita laŭ severa logikeco estus terure peza instrumento, parolo en tia lingvo postulus senĉesan turmentan penon de menso. Tion konfesis en sincera momento eĉ *Couturat* mem, la granda lingvomatematikisto.

Nian parolon ni ne konstruas el vortoj, sed el vortĉenoj, kiuj ni lernis kaj kiujn ni ripetas, ne analizante, kaj apenaŭ konsciante plu iliajn partetojn. Konstrui el *vortoj* ni povas nur nian *balbuton*.

Dirante ekzemple „ĝis revido" ni ne konscias tiumomente la sencon de *ĝis, re,* kaj *vido,* sed la tutan komplekson de sonoj ni konscias kiel de longe lernitan kaj kutimatan ideon. Tiom malpli ni meditas pri tio, ĉu *re* estas ĉi tie ĝuste uzata, aŭ oni devus diri „ĝis rea vido". Kaj ĉi tiu (logike certe pli ĝusta!) formo frapus nin malagrable, ĝi estus preskaŭ nekomprenebla unuamomente.

Nu, ĉi tiun parolteknikon kaj pensmetodon fruktuzas Esperanto, kiam ĝi ignoras kelkfoje la rigoran logikon, kaj por ne esti tro peza, tro komplikita, tro scienca, permesas ankaŭ elegantajn kaj facilajn, kvankam logike ne tute senriproĉajn esprimformojn. Ĉi tiujn oni lernas, kaj per tio ili fariĝas klaraj, sendubaj, do perfektaj esprimformoj.

Ĝuste ĉi tiu metodo donas al Esperanto la aspekton de vivanta lingvo, krome, ĝi ankaŭ multe plifaciligas la lingvon, ĉar la parolanto povas trankvile sekvi la neglektan iradon de la ĉiutaga pensado kaj ne devas dum sia parolo senĉese solvi logikproblemojn. Vere, parolante Esperanton oni sentas sin en komforta negliĝo, dum la terure „logika" Ido premas kvazaŭ malvasta, ĉie tranĉanta vesto, en kiu oni apenaŭ povas paŝi.

Do, la logiko servu la lingvon, ne la lingvo estu gia sklavo. Sed la aŭtoro estas logikulo ĝisoste. Tial mi devas averti!

Ekzemple. La vorton *interrompi* oni uzas plej ofte pri *parolo*. Per ĉi tio la ideo de parolo kvazaŭ penetris en la vorton. Se mi diras: „mi interrompis lin", neniu tion komprenos alimaniere, ol „mi parolinterrompis al li", aŭ „lin". Tute ne estas do necese enkonduki la radikon *interomp'* (el la internacia *interromp'),* por ke oni ĉe la supra frazo ne komprenu, ke la *personon mem* mi „rompis inter lia fino kaj komenco". Cetere pri ĉi tiu nova radiko ĉiu vidas, ke *etimologie* ĝi havas tute la saman signifon kaj strukturon.

La samo rilatas ankaŭ pri *surverŝi ion per akvo, surĵeti iun per ŝtonoj, priŝteli iun.* Lernante la vortojn *surĵeti, surverŝi* ni havas tute *novajn* vortojn kun *senduba* senco. Do ilin ni povas uzi ambaŭdirekte, same kiel ni uzas: instrui ion al iu kaj instrui iun pri io.

La aŭtoro atakas la vortteorion de *de Saussure,* li diras ĝin eĉ danĝera. Nu, ĉi tiu vortteorio estas mirinde klara, tute konforma al la lingvouzo, krome ĝi estas tre bone kaj facile aplikebla kaj konservas la tutan elastecon de la lingvo. Anstataŭ ĝi la aŭtoro donas nenion pli bonan kaj pli klaran.

Li neas, ke la sufiksoj estas memstaraj vortoj kaj, ke la sufiksa derivado okazas en Esperanto samprincipe, kiel la vortkunmeto. Tri grandajn diferencojn li trovas.

La unuan diferencon mi ne komprenas. Ĉar, ke la sufiksojn oni ne povas klarigi nacilingve per vorto, sed nur per ekzemploj, tio evidente ne signifas, ke en *Esperanto mem* ili ne povas esti egalrajtaj al la vortradikoj.

La dua diferenco, ke inter du vortradikoj kunmetitaj la finajo povas esti konservata, dum sufiksoj ligiĝas al la radiko ĉiam senpere, estas klarigebla simple per tio, ke la sufiksoj estas ĉiam alligeblaj *sen malbonsoneco,* tiel ili ja estas faritaj.

La tria diferenco, ke ĉe la derivajoj ne la ĉefa vorto estas je la fino, rilatas nur 8 sufiksojn, do ĝi ne estas *ĝenerala.*

Cetere, kelkaj ekzemploj montras, ke sufiksa derivo kaj vortkunmeto estas principe tute la samaj. Jen: cigar-ujo — cigared-skatolo; pres-preta — kompost-ebla; dom-parto — sableio; vin-agento — mar-isto; sci-vola — sci-ema.

Por montri, kiel danĝere estas, se oni uzas la sufiksojn kiel memstarajn vortojn ankaŭ en la vortkunmeto, la aŭtoro donas la ekzemplon de „virino". Laŭ li la vorto estas dusenca, ĉar ĝi povas signifi: 1. virino en la kutima senco (se *ino* estas *sufikso),* kaj 2. vira ino, t. e. ino havanta virajn kvalitojn, (se *ino* estas rigardata kiel *memstara vorto).* Ne parolante pri tio, ke „virino" por ĉiu esperantisto estas ĉiam „virino", ĉi tiu rezonado estas ankaŭ tial erara, ĉar la dua formo postulus la kunfandon de adjektivo signifanta *kvaliton,* kun *substantiva* radiko. Kaj en Esperanto ne estas kutime kunfandi tian adjektivon kaj substantivfinajan substantivan radikon. Kiaj vortoj estus ekzemple *diligentknabo, eminentoratoro, amatpatrino? Belknabino, grandafero* estas poeziaj permesoj laŭeble evitindaj kaj tute ne penetrintaj en la *bonan* prozon. *Belino, karino* ĝuste tial estas malbonaj, ĉar en ili la substantiva radiko *ino* ligiĝas senpere al *adjektivo.*

Do, se oni volas fandi la substantivan radikon *ino* kun la adjektiva vorto vira, oni devas tion fari pere de la sufikso *ul'*. Sekve, „ino havanta virajn kvalitojn" estas Esperante *virulino.*

*Densejo* ne estas densa ejo, sed ejo de denso, ĉar la nekutimeco de la adjektivo-substantivaj kunmetajoj en nia penso laŭsence substantivigas la antaŭe starantan adjektivon. Kaj *belino* estus *belo-ino,* same kiel *knabino* estas *knabo-ino.*

La aŭtoro krome volas fari regulon pri tio, kiam oni devas konservi, kaj kiam ellasi la interan finajon inter la du partoj de la vortkunmetajo. Jen la regulo:

„La unua vortparto povas seniĝi je sia finajo, se ĝi (la unua vortparto) apartenas al tiu sama vortklaso, al kiu la tuta noveformita kunmetita vorto, krome, se ĝin oni devas apartenigi al tiu vortklaso, per kiu estas laŭnature pli malvaste difinita tiu vortklaso, al kiu apartenas la tuta noveformita vorto."

Ĉi tiun ampleksan regulon diras la aŭtoro ĝusta (ĉar logika kaj klara) vojo. Nu, diras mi, al la diablo tiun lingvon, en kiu kunmeti vortojn oni povas nur post la pricerbumo de la supra klara regulo.

Krome, ĉi tiu regulo eĉ ne estas gusta. *Scivola,* ekzemple, estas: *volanta scii,* aŭ *scion.* Neniu el ili estas adjektivo, kia estas la tuta kunmetita vorto, neniu el ili estas adverbo, per kiu la adjektivo estas laŭnature pli malvaste difinita. Tamen mankas la finajo. Ĉu la aŭtoro volas nin devigi je *sciivola,* aŭ *scionvola?* Nu, mi ne kredas ke oni obeos.

La ekzemplo uzita de la aŭtoro, la Zamenhofa *plaĉivola* estas alia afero. Nome *plaĉvola* estas *volanta plaĉon* (ekzemple pri io kion oni prezentas), dum *plaĉivola* estas *volanta plaĉi mem.* La ĉi tie trovebla dusenceco estas escepta, ĝi devigis je escepta vorto, el kiu oni ne povas fari regulon.

*(Daŭrigota).* **Kopar.**

---

# LETERKESTO

**Korekto.** Mi devas konfesi: tiu mia aserto, ke la Akademio akceptis la formojn *ankore, anke,* estis erara. Min erarigis la raporto de la tiama prezidanto de l' Akademio, kiu tekstas:

„Preskaŭ ciuj Akademianoj konsentas, ke oni povas toleri en la adverboj (ne en la prepozicioj) la paralelan uzon de e anstataŭ aŭ."

Sed fakte, la propono ne estis akceptita. *(Kopar).*

**Publikotaj manuskriptoj:** Mia krimo. Luna Sonato. La Nigra Cervo. Fragmentoj el *Victor Hugo*. El la arkivoj de la historio. Du noktoj. Ŝiaj larmoj. Ĝenita medito. Tri ĉinaj poemoj.

**Ne publikotaj:** Vivo paŝanta (poemo). Du Kristo-legendoj. La kapitanoj (poemo). Elegio, Amiko vin demandas (poemoj). En arbaro (novelo). Al Ŝi (poemo. Por ke poemo estu publikita, la aŭtoro devas fari nenion apartan. Li nur devas verki bonan aŭ traduki bonan kaj bone). Ĉe abismo (poemo).

**Sonĝo.** *Ĉapitro el romano.* Por prijuĝi ĝian valoron oni devus koni la tutan ĉapitron. Tiel ĝi estas tro fragmenta.

76a

# EKONOMIO

## RAPORTOJ DE LA HUNGARA ESPERANTO SERVO

## ĜENERALKUNSIDO DE LA HUNGARA ĜENERALA KREDITBANKO

La plej granda hungara banko, la Hungara Ĝenerala Kreditbanko havis sian jaran kunvenon la 20.-an de aprilo sub prezido de grafo Antal Cziráky. Oni honoris la memoron de la fama ĝeneraldirektoro de la banko: barono Adolf Ullmann, kiu mortis la 5.-an de februaro. La direktora raporto dankeme kaj varme menciis lian agadon kaj laŭ ties propono la ĝeneralkunsido el la lastjara profito voĉdonis duonmiliardon da hung. Krono al la fondo por helpi la oficistojn de la banko.

La ĝeneralkunsido akceptis la bilancon de 1924 montrantan 26 miliardon da neta profito kaj decidis, ke la dividendo por la lasta jaro nun pagota estu 16.000.

Nova membro de la direktoraro fariĝis estinta ministro de eksterlandaj aferoj, dro Tibor Scitovszky, la nova ĝeneraldirektoro, kiu promesis, ke la instituto zorgos, ke la pensionitaj oficistoj de la banko povu laŭ la nunaj cirkonstancoj senzorge vivadi.

---

### ĈU VI JAM ABONIS?

MONATA

**„OOMOTO"**

GAZETO — ESPERANTA

**„Oomoto"** estas la nova spirita movado, kiu celas venigi mondon, morale unuigitan per Dia gvido, plenan je amo, kaj decide kompletigi la reformon kaj rekonstruon de la mondo.

Ĉiu numero de la gazeto konsistas el Esperantigitaj fragmentoj de la Rakonto el la spirita mondo **Diaj Vortoj.**

**Jarabono: Jeno 2.40 SV. FR. 4.80 kaj ĉiu egalvaloro.**

OOMOTO PROPAGANDA OFICEJO
**Ajabe Japanlando.**

---

### LEGU BONAJN VERKOJN:

| | | |
|---|---|---|
| *Madách:* La tragedio de l'homo (simpla) | 68.000 | h-Kronoj |
| (luksa) | 102.000 | „ „ |
| (bibliofila, lede bindita, kun ora rando kaj surpreso, jam nur 15 ekzempleroj imponaj volumoj | 660.000 | „ „ |
| simpla bindita | 120.000 | „ „ |
| luksa tole bind. | 190.000 | „ „ |
| *Jarkolektoj de L. M. binditaj kun ora surpreso* 1922—23 | 350.000 | „ „ |
| 1924 | 210.000 | „ „ |
| *Dr. Vámbéry:* Kriminologio | 25.500 | „ „ |
| Kvar hungaraj noveloj | 10.500 | „ „ |
| *Karinthy:* Morgaŭ matene | 17.000 | „ „ |

Al la prezoj aldonu poŝtelpezojn.

**HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO**
BUDAPEST, VI., EÖTVÖS-UTCA 3.

---

### AL GESTUDENTOJ!

Aliĝu tuj al Internacia Studenta Esperantista Asocio, kies celoj estas: 1e: Propagandi Esperanton inter la tutmonda gestudentaro, 2e: Per praktika peresperanta laboro faciligadi ĉiuspecajn rilatojn: sciencajn, moralajn, materialajn k. a.

Jarkotizo por la 1925-a estas: 2 svis. fr. por membroj aktivaj kaj aspirantaj (lernantoj de superaj mezlernejaj klasoj), kaj 5 svis. fr. por membroj subtenantaj.

Aliĝu tuj al la sola tutmonda studenta asocio!

Nova adreso de la sekretariejo: f-ino Lidja Zamenhof, Varsovio, Polujo, 41 Krolewskastr.

Ĉiuj gazetoj estas petataj represi.

---

La Informa Servo de la Ekstera Ministerio de Finnlando petas nin informi al la tutmonda esperantistaro, ke la Ministerio sendis al la legacioj kaj konsulejoj de Finnlando ekzemplerojn de la lukse presita, ilustrita verko

### VOJAĜADO EN FINNLANDO

por senpaga dispono al la personoj kiuj interesiĝas pri Finnlando. Kun plezuro ni transsendas ĉi tiun informon en la espero, ke la esperantistoj baldaŭ elĉerpos la provizon nun aĉetitan de la Ministerio.

**Esperanto-Instituto de Finnlando**
**Kluuvikatu 7 Helsinki.**

---

## GRAVA AVIZO!

### RADIO-AMATOROJ! ESPERANTISTOJ!

La „Radio-eksperimenta Stacio de la Hungara Reĝa Poŝto" Budapest IX., Gyáli-ut 22. semajne trifoje — marde, jaŭde kaj sabate — vespere de la 8-a ĝis la 10-a aranĝas radio-provokoncertojn. La ondlongeco de la stacio estas 565 metroj kaj ĝia energio estas 2 kilovatoj. Ĉar la stacio estas tre favora al Esperanto kaj ĝi bezonas la helpon de la radiistoj-esperantistoj, ni petas komplezan aŭskultontojn de la stacio kaj esperantlingvan informon pri:

1. La loko de la kapto. 2. La sistemo de la aparato. 3. La alteco kaj grandeco de la anteno. 4. La forto de la sono proporcie al sonforteco de radio-stacio en distanco de 100 kilometroj kun energio da 1.5 kv. 5. La klareco de la voĉo kaj komprenebleco. 6. Kiaj ajn aliaj rimarkoj.

Helpante la radio-stacion, vi helpas la propagandon de Esperanto kaj la revuon

**LITERATURA MONDO**
BUDAPEST VI, EÖTVÖS-U. 3. HUNGARUJO

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró